REVUE FRANÇAISE D'ESPERANTO
FRANCA ESPERANTISTO

FONDITA en 1908. TRIA ERIO
29a JARO — N° 203. Dec. 1961

U.E.F., 34, rue de Chabrol, Paris X^e^ — Métro : Gare de l'Est ou Poissonnière — Téléphone : PRO. 55.03

# HONORE AL JEAN COUTEAUX

La tuta franca esperantisto movado funebras. Nia honora Prezidanto, Jean Couteaux, forpasis.

Jean Couteaux naskiĝis en Sainghin en Melantois, apud Lille, la 31an de oktobro 1884. Ekde 1904, li esperantiĝis kaj komencis krei grupojn. Studenta ĉe la jura universitato en Parizo, li estis Sekretario de la Esperanta Sekcio de la « Latina Kvartalo » de 1911 ĝis 1914. En 1911, li fondis kaj redaktis kun René Dubois, la internacian revuon « Vekiĝo » por la defendo de Esperanto. Dum tridek jaroj, de 1920 ĝis 1950, mi havis la ĝojon intime kunlabori kun Jean Couteaux. En 1920, post la restarigo de la Pariza Federacio, li fariĝis ĝenerala sekretario de la Federacio, kaj poste de 1923 ĝis 1928, prezidanto de tiu Federacio. En 1923, post la kongreso de Limoges, li fariĝis ĝenerala sekretario de S.F.P.E., posteno kiun li konservis ĝis 1941. Li devis, je tiu momento, forlasi oficiale la laboron por Esperanto, pro la leĝoj faritaj je tiu momento de la ŝtato. Fakte, kvankam de 1921 ĝis 1944, li majstre direktis la plej grandajn hospitalojn de Paris, Jean Couteaux ĉiam trovis tempon por zorgi pri la esperanta movado, nacia kaj internacia. Eĉ li tradukis en ritma prozo en 1914, tragedion de Richet : Sokrato.

Komitatano de U.E.A. dum pluraj jaroj, lingva komitatano, li estis antaŭ ĉio la ĉefredaktoro de « Franca Esperantisto » kaj verkis 65 ĉefartikolojn de nia revuo de la unua numero de decembro 1933 ĝis la 65-a en Majo 1940. La konfido de la gvidantoj de S.F.P.E. permesis sian elekton kiel Prezidanton de nia landa asocio en Decembro 1944. Post la kunfandiĝo de la diversaj asocioj esperantistaj en U.E.F. fine de 1945, li eksiĝis kiel Prezidanto kaj fariĝis honora Prezidanto de la nova asocio.

En 1950, kvankam jam tre laca pro tiu longa labora vivo, li akceptis fariĝi la ĝenerala sekretario de la Universala Kongreso de Esperanto en Paris, kiu, dank'al la amika kunlaborado de Couteaux kaj Warnier, estis unu el la plej sukcesintaj de niaj universalaj kongresoj.

Dum la lastaj jaroj, li daŭre alportis al ni sian kunlaboradon, neoficiale, sed plej efike, per tradukoj kaj ofte per bonaj konsiloj.

La jaro 1961 estis la jaro de du gravaj perdoj por la franca movado : Louis Bastien kaj Jean Couteaux.

De tiuj, kiuj antaŭ 40 jaroj komencis amike kunlaboradi por la ideo de lingvo internacia, restas ankoraŭ kelkaj : Llech-Walter, Belhoste, Guillaume kaj la subskribanto. La forpaso de Bastien kaj Couteaux estos por ili, se necese, la cimento de plua laboro !

Franca Esperantisto kaj la Konsilantaro de U.E.F. prezentas al Sinjorino Couteaux kaj al la filoj de nia amiko, siajn plej korajn kondolencojn.

P. P.

*Supplément à « Franca Esperantisto » N° 203. Décembre 1961.*

# UNION ESPERANTISTE FRANÇAISE

# 54e CONGRÈS NATIONAL D'ESPÉRANTO

## *21, 22, 23 AVRIL 1962*

à BAUGÉ (M.-&-L)

*Sous la Présidence d'Honneur de M. le Préfet de Maine-et-Loire.*

## COMITÉ D'ORGANISATION

**M. R. Llech-Walter,** Président de l'Union Espérantiste Française.

**M. H. Micard,** Président de la Maison Culturelle Espérantiste.

**Mme B. Cheverry,** Présidente du Groupe Espérantiste Angevin.

**M. J. Rousseau,** Trésorier de l'Union Espérantiste Française.

**M. A. Frangeul,** Secrétaire du Groupe Espérantiste Angevin.

## PROGRAMME

### SAMEDI 21 AVRIL :

**Accueil des congressistes** aux différents trains, en gare de Baugé et, sur demande, à celui de 12 h. 27, en gare de La Flèche. — A partir de 9 h. 30 : **Accueil au « Kongresejo »** (Château de Grésillon). — **Visite de la Maison Culturelle et du domaine.**

14 h. : **Visite de Baugé,** sous l'égide du Président du Syndicat d'Initiatives.

17 h. : **Réunion** des délégués U.E.A.

21 h. : **Grande Soirée dansante,** Salle des Fêtes de Baugé.

### DIMANCHE 22 AVRIL :

8 h. : Service catholique.

8 h. 30 : Culte protestant.

9 h. : **Assemblée générale U.E.F.**

11 h. 30 : **Réception des congressistes en l'Hôtel de Ville de Baugé.** Vin d'honneur offert par M. le Maire, en présence des personnalités de la ville et du département.

12 h. 15 : **Photographie** des congressistes.

12 h. 45 : **Repas en commun** au Château de Grésillon.

16 h. : Reprise des travaux.

21 h. : **Soirée au Théâtre.**

### LUNDI 23 AVRIL :

7 h. 30 : Départ de l'**EXCURSION** : Brissac (château historique) ; Vallée du Layon (réception par M. le Maire de Beaulieu-sur-Layon, visite du caveau touristique, dégustation de vin blanc du Layon, déjeuner) ; route touristique « La Corniche angevine) ; Angers (visite du Château et des célèbres tapisseries de l'Apocalypse).

Possibilité pour les intéressés de prendre en gare d'Angers un train de retour rapide et direct. Retour à Baugé pour les autres congressistes.

# FRANCA ESPERANTISTO

## REVUE FRANÇAISE D'ESPÉRANTO

**OFICIALA ORGANO DE U.E.F. (Unio Esperantista Franca)**

**34, Rue de Chabrol, Paris X^e - C.C.P. 855-35 Paris**

**Secrétariat :**

**Mlle Y. PAULIER.** - Le Secrétariat est ouvert tous les jours de 9 h. à 12 h. et de 14 à 18 h. (sauf dimanches et mardis). Pour toute réponse, joindre une enveloppe timbrée à votre adresse. - **Pour tout envoi d'argent, précisez soigneusement la destination des sommes envoyées sur le talon du mandat.**

Pour toute demande de renseignements, prière de joindre **une enveloppe timbrée avec l'adresse.**

**Rédaction :**

**M. Pierre PETIT**, U.E.F., 34, rue de Chabrol, PARIS X^e. Tél. : PRO. 55-03.

Tous les articles et communiqués ne peuvent être acceptés qu'aux conditions suivantes : **être toujours dactylographiés** sur un seul côté de la feuille, avec une marge des deux côtés du texte et un **double interligne.** Ainsi seulement ils seront insérés. Tous les articles **ne se conformant pas à ces conditions seront refusés par la rédaction.**

Les textes envoyés doivent être aérés, lisibles, correctement présentés et rédigés. S'il s'agit d'informations concernant le Mouvement français, elles doivent être obligatoirement rédigées en Espéranto.

Prière d'envoyer des clichés et non de simples photos.

**La rédaction se réserve le droit de corriger les textes reçus,** qui doivent être aussi brefs et concis que possible.

## U. E. F. COTISATIONS

Les versements sont à effectuer au trésorier fédéral ou, à défaut, à l'U.E.F. (Paris). C.C.P. 855-35 Paris.

| | NF : |
|---|---|
| **MEMBRE APPROBATEUR** | 1,50 |
| **MEMBRE ACTIF** | 3,50 |
| **MEMBRE ACTIF** (avec abonnement) | 10 |
| **MEMBRE JUNIOR : moins de 21 ans*** (TEJO) et **étudiants**** | 6 |
| **MEMBRE BIENFAITEUR U.E.F.** (avec abonnement à la « RF d'E. ») | 20 |
| **MEMBRE A VIE U.E.F.** (avec abonnement) | 300 |
| **Abonnement seul à la REVUE FRANÇAISE D'ESPÉRANTO** | 7 |
| **Pour l'étranger — Por eksterlandaj abonantoj** | 10 |

SUPPLEMENT POUR **UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO** (U.E.A.)

| | NF : |
|---|---|
| **MEMBRO JARLIBRO** (reçoit l'Annuaire de l'U.E.A.) | 10 |
| **MEMBRO ABONANTO** (reçoit « Esperanto » et Annuaire) | 20 |

(La kotizoj de junuloj ĝis 21 jaroj * estas respektive **5 NF** kaj **10 NF** ; nun JMJ kaj JMA estas aŭtomate TEJO-anoj ; la pliaĝaj studentoj pagas plenan kotizon).

| | |
|---|---|
| **MEMBRO SUBTENANTO** | 30 |
| **SIMPLA ABONO AL « ESPERANTO »** | 15,50 |

Les versements concernant le Groupe des Educateurs Espérantistes sont à faire à G.E.E., 6, rue de la Paix, Baugé (M.-et-L.) - C.C.P. Nantes 1501-41. Membre simple : 800 Fr. ; de soutien : 1.000 Fr. ; bienfaiteur : 1.200 Fr. (8, 10 et 12 NF).

* Indiquer la date de naissance.

** Indiquer la Faculté.

### ANONCO

Dek-unu-jara knabo, nepo de grava gvidanto de la movado en Katalunujo, deziras korespondi kun franca knabo, komencanto pri Esperanto kaj filatelisto. Adreso : GISBERT, avenua Generalismo, 338 o. 2-a, Barcelona 13 (Hispanujo).

***

Suis acheteur en petite et grande quantité du « Premier Manuel Esperanto » (brochure rouge). Faire offres (quantité et prix) à M. René Llech-Walter, 5, quai Vauban, Perpignan (P.-O.).

### MALLONGE

La grava vortaro enciklopedia Larousse presigis bonegan artikolon pri Esperanto kun bibliografia aldono ĉe la fino de la volumo. La verko de A. Ribot « L'Esperanto cet inconnu » estas menciita.

Gratulojn al la verkisto de tiu artikolo.

— F-ino Terryn kaj S-ro M. Jaumotte publike konfirmis en Gand, gravan atingaĵon de la belga esperantistaro. Temas pri kreo de komuna asocio, kies estraro oni elektis, dum speciala kunsido en Bruselo.

### ASSEMBLEE GENERALE EXTRAORDINAIRE DE L'U.E.F.

Les membres de U.E.F. sont convoqués en Assemblée Générale extraordinaire :

— le **Samedi 17 Février 1962**, à 21 h ;
— et le **Dimanche 18 Février 1962**, à 9 h. 30, à BOURGES (Cher).

L'ordre du jour et le lieu de cette assemblée seront précisés ultérieurement.

En application de l'article 16 du règlement intérieur, la date limite pour faire parvenir au siège administratif de Paris, toute proposition à inscrire à l'ordre du jour est fixée au 17 janvier 1962.

(Décision unanime du Conseil d'Administration lors de la réunion du 9-12-1961).

Le Président : R. LLECH-WALTER.

# U. E. F.

## UNU AVICE

La Konsilantaro de U.E.F. kunvenis en Grésillon meze de septembro. Neniam, unuanimeco kaj plej seriozeco en la laboro okazis en la sino de nia Asocio.

Fakte, tio elvenas el la ĝojigaj novaĵoj, kiuj alvenis al tiu kunsido, kaj, kiuj permesis alpreni decidojn, kies gravecon niaj legantoj baldaŭ konos.

Unue, estas la fakto ke, en 19 seminarioj por instruist (in) oj de Francujo, Esperanto estas instruata. Tio reprezentas ke, de nun ; ĉiujare, 400 novaj instruist(in)oj havos la necesan kapablon por instrui Esperanton en la unugradaj lernejoj. Antaŭ tri jaroj, la instruado okazis nur en 2 seminarioj, dank'al la klopodoj de nia Prezidanto. Nun, ili estas 19. Ni povas esperi, ke post kelkaj jaroj, ĉiuj seminarioj de Francujo havos similajn kursojn, kondiĉe ke la rezultoj estus gratulindaj.

Ŝajnas al mi, ke tio estas la plej ĵusta vojo por enkonduko de Esperanto en la lernejojn. Kion ni faru, se, sen oportuna preparado, la kompetentaj instancoj decidu nuntempe la instruadon de esperanto en la unuagradajn lernejojn ? Aliflanke, ŝajnas ankaŭ al mi ke Esperanto estas multe pli necesa en la unuagradaj lernejoj ol en la aliaj, ĉar estas tiuj, kiuj ne povas ricevi pli larĝan instruadon, kiuj pli bezonas Esperanton.

Due, mi havis la ĝojon alporti al miaj kolegoj de la Konsilantaro la unuaniman decidon de la IVa Internacia Konferenco de la Popoluniversitatoj, kiu kunvenis en Torino de la 8a ĝis 10-a de Septembro, kies tekston oni aparte legos.

Trie, nia Prezidanto Llech-Walter, kiu plenumis la decidon de la Kongreso de Epernay, alportis al ni la patronadon — kun grava subvencio — de la Ministro de Nacia Edukado (Sekcio popola kulturo) por la Kultura Semajno kiu okazos en Grésillon de la 16a ĝis la 22-a de aprilo proksima kun prelegoj de 14 paroladistoj laŭ listo, kiun oni legos aparte en Franca Esperantisto.

El tiuj tri gravaj novaĵoj, la Konsilantaro povis alpreni plej bonajn decidojn.

U.E.F. invitas, je sia kosto, po unu el ĉiuj seminarioj kie Esperanto estas oficiale instruata, 19 lernant(in)oj ĉeesti la Kulturan Semajnon en Grésillon.

Dum la semajno kaj interkonsente kun la Franca Federacio de la Popoluniversitatoj, estos elektotaj la 10 junul(in)oj, kiuj reprezentos Francujon ĉe la kunveno-demonstracio de la Popoluniversitatoj en Romo.

Se oni aldonas al tiuj ĝojigaj informoj, la fakton ke U.E.F. havas la plej grandan nombron de aktivaj membroj kaj de delegitoj en la sino de U.E.A., ke U.E.F. havas bone ekvilibritan buĝeton, kaj havos, de nun, bonan gazeton regule aperantan, ke la membroj de U.E.F. kaj la vendo de libroj pere de la Centro-Chabrol kreskaj regule ĉiujare depost la Kongreso en Auxerre, oni facile komprenas ke la Naciaj Kongresoj regule reelektas la samajn administrantojn kiuj, per regula kaj serioza laboro, donis al U.E.F. la unuan vicon en la tutmonda Esperanto-movado.

P. PETIT.

## KUNVENO DE LA ADMINISTRANTARO DE U.E.F. en GRESILLON, la 16-an de Sept. 1961

La kunveno komenciĝas matene je la 9-a 15. S-ro Guillaume estas komisiita prepari la protokolon kun la helpo de S-ro Ciliga, ĉeestanta kiel redaktoro de F.E.

S-ro Petit petas, ke oni laŭtlegu la nomojn de la administrantoj. Ili estas : S-roj Asqueri, Belhoste, Chagnoux, Guillaume, Gouget, Llech-Walter, Manceau, Marly, Motto, Petit, Ribot, Rougetet, Rousseau, Thierry, Waringhien, kaj Lemaire, Poly, Bourdelon, Chapellier, Bosc, Odent.

El tiuj 21 personnoj ĉeestas : S-roj Gouget, Chagnoux, Guillaume, Llech-Walter, Petit, Rougetet kaj Rousseau. Sin reprezentigis letere : S-roj Bourdelon, Asqueri, Belhoste, Chapellier, Lemaire, Manceau, Marly, Motto, Ribot, Thierry kaj Waringhien. Ne skribis Bosc, Odent kaj Poly.

1) S-ro Petit proponas voĉdonon pri la tagordo. Laŭ paragrafo 9-a de la Statuto, la administrantaro konstatas, ke valoras nur la tagordo sendita de la Prezidanto kune kun la kunvokilo.

Post debato pri la situacio de U.E.F., la Prezidanto konstatas konklude, ke la debato kaj la faritaj decidoj spirite akordiĝas kun liaj cirkuleroj (de la 23-8 kaj 8-9 61). La Administrantaro aprobas unuanime la moralan raporton de la Prezidanto pri la nuna situacio de U.E.F. S-ro Llech-Walter deklaras, ke li estas tre kontenta pri la faritaj decidoj, kiuj respegulas la opiniojn esprimitajn parole kaj letere.

2) S-ro Rousseau legas la financan raporton. Ni elspezis ĉi-jare iom malpli ol ni enspezis. La membraro normale progresas laŭnombre. S-ro Guillaume proponas S-rojn Dabezies kaj P. Royer kiel financkontrolantojn ĝis la venonta kongreso.

La Konsilantaro unuanime aprobas la kontojn.

3) Pri F.E. La trovita solvo estas nun jam konata de la legantoj.

4) S-ro Llech-Walter prezentas raporton pri la preparata Kultura Semajno. Sekvas ĝenerala diskuto pri ties preparo. La legantoj de F.E. estos regule informataj pri tiu grava aranĝo.

5) Universala Kongreso en Harrogate. — S-roj Guillaume kaj Rousseau prezentas resumon de la tieaj komitatkunsidoj. S-ro Holmes bedaŭrinde ne elektiĝis Prezidanto de U.E.A., almenaŭ por unu jaro. La interŝtata aranĝo por instruado de nia lingvo en la lernejo, atingita en Pollando, estas tre ĝojiga novaĵo.

Pri la regularo de la Universalaj Kongresoj : La Administrantaro de U.E.F. notas la faritajn ŝanĝojn, sed estas tre skeptika pri ilia praktika realigo ; ĉiu-okaze U.E.F. devas rezigni pri aran-

ĝo de U.K. en Francujo, ĉar ĝi ne konsentas principe pri tiuj ŝanĝoj.

6) Propagando. Laŭ propono de S-ro Frangeul oni komisias S-ron Gouget prizorgi eventualan eldonon pri turisma faldfolio.

7) Pri la Popoluniversitatoj. — S-ro Petit anoncas kontentigan rezulton de la kongreso en Torino, kiu konstatis, ke Esperanto estas la sola internacia lingvo instruata en la Popoluniversitatoj. Okazos grava eksperimento en Romo komence de Julio 1962 : Oni partoprenigos kelkajn lernantojn (de tri ĝis dek personoj) el diversaj Eŭropaj landoj en kongreseto ; tiam eblos konstati, ĉu la diversaj gejunuloj povas interparoli en Espereble U.E.A. ankaŭ kunhelpos. La plej bonaj ĉiuj esperantistaj gazetoj devas anonci tion. Esperable U.E.A. ankaŭ kunhelpos. La plej bonaj junuloj povos eventuale iri al la jugoslava kunveno, okazonta tuj antaŭ la Kopenhaga U.K.

8) Kongresflago. — U.E.F. decidis principe akiri, laŭ la ekzemplo de U.E.A., specialan kongresflagon, kie troviĝos la nomoj de ĉiuj kongresurboj.

9) Reklamo por Esperanto. — U.E.F. provos aperigi reklamtekstojn en tri gazetoj : « France-Soir », « Le Figaro » kaj « Le Monde », por vidi, ĉu estos konkretaj rezultoj.

10) Eksterlandaj vizitantoj. — Bedaŭrinde ni ricevis neniun novaĵon de F-ino Joŝiko Kaĵino, nek de la argentina doktorino. Krome S-ino Haudebine baldaŭ revenos al Parizo ; S-r Rodriguez, kiu loĝas en Perpignan, povos ankaŭ helpi por la aranĝo de la projektataj vojaĝoj tra Francujo.

11) Tejo. — La franca sekcio reorganiziĝis dum la Tejo-kongreso en Wokingham. F-ino Garrigue, kiu akceptis transpreni la postenon de S-ro Turin, ricevu niajn varmajn gratulojn. Espereble la franca sekcio povos nun normale funkcii en la kadro de la ĝenerala movado, reprezentata de U.E.F.-U.E.A.

12) Esperanto en la lernejoj. — S-ro Ribot faris tre bonan propagandon, sekve de kiu okazas kursoj en proksimume 100 lernejoj, inter kiuj porinstruistaj seminarioj. Speciale por ili U.E.F. decidis elspezi 1.000 NF ; tiele 19 plej bonaj lernantoj povos ricevi senpagan restadon en Grésillon dum la kultura semajno.

13) Statuto de U.E.F. — S-ro Thierry kaj Rougetet prezentis, post S-ro Couteaux, siajn sugestojn pri ŝanĝoj de la Statuto, farotaj por eventuala peto de agnosko pri Publika Utileco.

14) Propagandaj Biletoj. — Cirkulero anoncos novan Helpkampanjon kun premioj (1-a : vojaĝo kaj restado ĉe Kopenhaga U.K. ; 2-a : unusemajna restado en Grésillon ; 3, 4 kaj 5-aj : libroj aŭ senpagaj aliĝoj al la perkorespondaj kursoj).

15) Kopenhaga U.K. — Ni studos la eblon organizi karavanojn per trajno kaj aviadilo.

***J. GUILLAUME.***

## *INTERGRUPA RENKONTIĜO EN GRÉSILLON (17-9-1961)*

**Ĉeestas** : U.E.F. : S-roj Llech-Walter, Petit, Guillaume, Chagnoux, Rousseau, Ciliga ; I.C.I.E.K. (S-ro Gouget) ; M.C.E. (S-ro Micard) ; C.F.I.E. (S-ro Rougetet).

**Eskuziĝis** : Fervojistoj (F-ino Lemonnier) ; TEJO (F-ino Garrigue) ; Blinduloj (S-ro Gonin) ; Geografia Asocio (S-ro Gérard) ; G.E.E. (S-ro Boyet).

**For-estas** : Keli, Isae, Katolika Ligo, Poŝtistoj, Skolta Ligo.

S-ro Micard atentigas ke la libro « Privilegia Vojo » ne taŭgas por lerni sola. Sed la libroj ne estas ĉio : la laboro de la instruanto ĉefas.

Fakte, kelkaj kritikoj estis faritaj pri tiu libro en Harrogate. La vendado ne estas tiel ampleksa, kiel oni esperis.

**KURSOJ PREPARANTAJ AL ATESTOJ :**

La lasta studperiodo en Grésillon estis kontentiga : matene okazis unua grada kurso, kiu estis ĉeestata de la kandidatoj al Kapableca Atesto. Posttagmeze okazis kurso por la kandidatoj al Kapableco.

**ESPERANTO EN LA LERNEJO :**

A Ribot menciis al S-ro Lapenna 100 lernejojn, 15 seminariojn. Sed en 1962 estos 20 seminarioj, en kiuj oni instruos Esperanton.

S-ro Blanc (el Sancoins) zorgos pri la nacia statistiko de lernejaj kursoj. S-ro Guillaume proponas jaran demandaron plenigotan.

S-ro Chagnoux kontaktos S-ron Blanc pri tiu punkto, kaj ĉi lasta sendos projekton.

**GAZETO :**

S-ro Gérard ŝatus, ke oni presigu la gazetojn laŭ la sama formato por ke oni povu konservi pli facile en ili aperintaj artikolojn.

**PROPAGANDO :**

— Oni opinias, ke devus ekzisti en nia lando nur unu Esperanta membro-karto, sur kiu oni surgluus vinjetojn laŭ la fakaj asocioj, al kiuj oni apartenas.

— Estas menciate, ke oni povas havi membrojn kiuj pagas nur NF 1,50 (aprobanto aŭ lernanto), NF 3,50 (aktiva membro).

— Kiam ĉiuj membroj en ĉiuj grupoj pagos kotizon al U.E.F., oni povos antaŭvidi malaltigon de la tuta kotizo. Sed nur tiam !

**FALDFOLIOJ :**

Estas decidite eluzi la stokojn. S-ro Frangeul proponas tekston por turisma faldfolio (transdonita al S-ro Gouget por trastudo). S-ro Micard opinias, ke oni anoncu la faldfoliojn en la gazeto.

**VINJETO :**

Oni eldonos vinjeton kiu povos esti surgluata sur vitroj (fenestroj, aŭtoj). Oni aperigos reklamon pri tio en R.F.E. Vendprezo antaŭvidita : 2 NF.

**I.C.I.E.K. :**

Sukcesis havi en Esperanto la tekston, kiu estos enmetata en la Internacia Kampada Libreto. Sed necesas, ke la esperantistaj kampadistoj petu ĝin el sia Federacio.

La Protokolinto : ***J. ROUSSEAU.***

# HINDAJ IMPRESOJ

Ni ĉiuj ĝenerale havas tre agrablan opinion pri Hindujo kaj deziregus viziti tiun landon. — Kial ? Sendube ĉar ni legis mirindajn librojn pri la belaĵoj aŭ aventuroj de vojaĝantoj, aŭ televide vidis tre interesajn filmojn.

Ĵus mi aŭdis paroladon ĉe radio, kiu estis entuziasma kaj tiam io pinĉis mian stomakon. — Sed al tiuj kiuj ŝatas konservi iluziojn, mi petas haltigi tiun ĉi legaĵon kaj iri al la proksima artikolo, ĉar ne estas indaj impresoj.

Revenante de Aŭstralio dum aprilo 1960 ni haltis en Calcutta, la granda urbo kun 10 milionoj da loĝantoj, diras franca aŭtoro. — Estis la kvara horo matene kaj jam estis lumo de la komenco de la tago. Ni iris de la flughaveno al la hotelo per aŭtomobilo kaj jen kion ni vidis :

Laŭlonge de la stratoj estis aĉaj dometoj plej ofte el pajlo aŭ io simila, inter ili kaj la vojo estis kanaleto, 1 m. 50 larĝa kaj 1 m. profunda proksimume, en kiun jetiĝis ĉiuj malpuraĵoj de la loĝtoj. Poste ni vidis ostajn korpojn, kiuj kuŝis antaŭ la domoj, ĉe la pordoj aŭ fenestroj, aŭ sur malaltajn litojn el kano, la trotuaro. Kelkaj havis sen kovraĵo. Aliaj kuŝis rekte sur la trotuaro, preskaŭ nudaj aŭ kun ŝiritaj vestaĵoj. Ili aspektis kiel kadavroj. Ni vidis plurajn centojn da ili, kaj Anglo diris al mi, ke ĉiumatene veturilo venas por kolekti la mortintojn de la nokto...




**Madeleine HAUDEBINE**

**Nia ĉiam juna amikino, en la X^e^ Assembleo de la Mondfederacio de la organizaĵoj de la instruista profesio en New-Delhi (Aŭgusto 1961).**

Sufiĉe laca pro la vojaĝo mi iris dormi inter la 6a kaj la 10a horo en ĉambro, kie la temperaturo estis kontrolita. Do, tre agrabla atmosfero. Post la vekiĝo mi soife intencis viziti la kuriozaĵojn de la urbo. En la hotelo oni promesis al mi gvidanton kaj taksion post unu horo. Intertempe mi iris eksteren kaj tuj la temperaturo sufokis min, sub brulanta suno estis neeble resti. Mi marŝis en la ombro, rigardante sufiĉe bonajn elmontraĵojn de kelkaj magazenoj, kaj renkontis virinon kun duonnuda, malgrasa infano, kiu almozpetis. Poste, en lageto kun bruna akvo viroj kaj virinoj sin lavis ; plej ofte ili staris en la akvo kun la vestaĵoj, kiuj estis tre simplaj.

La gvidanto venis — estis ĉarma virineto kun silkaj vestaĵoj kaj ruĝa punkto kiel pizo sur la fronto. Dum nia vizito de la urbo ŝi rakontis, ke ŝi iam vivis en Anglujo kaj eĉ vizitis Parizon. Tamen ŝi preferis Calcutta. Ŝi petis pardonon pro la fakto, ke ŝi estas iom « mola », « senenergia », ĉar ŝi bone manĝas 4 foje tage. Laŭ ŝi la hinda nutraĵo, kiu konsistas ĉefe el rizo, estas pli bona ol la eŭropa manĝaĵo. Inter alie ŝi rakontis, ke ŝi povas bani sin en la rivero nur vespere, ĉar dum la tago la akvoj estas tro varmaj.

Kion ni vidis veturante ? Templon kiu laŭdire estas mirinda, sed aspektas, laŭ mi, ne pli grava ol ordinara pariza preĝejo. La botanikan ĝardenon sen floroj kaj kun duonbruligita herbo. La nura strangaĵo estis eksterordinara arbo, kiu havas 900 trunkojn kaj kovras rondan surfacon de 100 metra diametro. La nomo estas Manyan.

Ĉar estis varmege, mi oferis al ŝi trinkaĵon, sed ne estis kafejo. Ŝi vokis knabon, kiu alportis al ni kokosojn. Ŝi mem pagis kaj rifuzis mian monon. La knabo faris truojn en la kokosoj, sed la trinkaĵo, sengusta kaj varma, ne plaĉis al mi. Por ŝi ĝi estis treege bona.

Survoje ni vidis multajn mizerajn homojn. Kelkaj, nudpiede, portis pezajn ŝarĝojn, aliaj puŝis veturiletojn. Ankaŭ estis la taksio-bicikloj, kiujn ni konis en Parizo dum la milito. Estis malmultaj aŭtomobiloj. Laŭlonge de la stratoj ni vidis tre malbelajn butikojn, kaj laborejojn sen fronta muro. Viroj uzis kudromaŝinojn sen motoro sub simpla tegmento el lignajn aŭ ferajn objektojn. Oni tranĉis la hagno. Aliaj same fabrikis rojn en la strato. Malgrasaj bovinoj promenadis libere en diversaj lokoj kaj oni donis al ili restaĵojn de legomoj kiel manĝon, ankaŭ ili serĉis nutraĵojn en la malpuraĵoj de la stratoj.

Fine, mi vidis la plej eŭropan parton de la urbo, kiu aspektas pli bone, kun modernaj domoj, angla preĝejo, ĉevalkurejo kaj muzeo, bela konstruaĵo, kreaĵoj de la Angloj. En la muzeo oni povas vidi sufiĉe multajn pentraĵojn de la reĝa familio kaj de anglaj militistoj, skulptaĵojn indiĝenajn. — Ni reiris al la hotelo kaj mi adiaŭis ŝin.

En freŝa atmosfero mi tagmanĝis kaj reiris dormi ĝis la 4a horo. Je la 5a mi flugis al Bombay por la nokto. En la mateno mi vizitis tiun urbon, kiu similas al sudfranca mara urbo.

Miaj kolegoj diris al mi : « Kial vi restis tiel mallonge en Hindujo, vi estus povinta vidi trezorojn. » Tiam, memorigante mian matenon en Calcutta, mi havis premon ĉe la stomako, sed simple kuraĝis diri : « Mi estis for de mia hejmo dum du monatoj — mi timas, ke mia edzino grumblos, se mi pli longe promenados en la mondo. »

Konklude, mi petas pardonon, se mi seniluziigis kelkajn legantojn ; sed mi povas esperi, ke Madeleine Haudebine, kiu vivis longe en Hindujo, rakontos al vi feinajn anekdotojn.

J. GUILLAUME.

# Pri la Nomoj de Urboj

« Lasante al aliaj la zorgon recenzi la jus eldonitan vortaron Léger-Albaut », Sinjoro P. Marly tamen prenis sur sin la taskon fari lingvan respondon pri la nomoj de urboj (1). Li eĉ eldiras principon (« principe ne traduki »), kaj opinias, ke « la demando... estas jam solvita ».

Unue, la fakto, ke kunekzistas en nia lingvouzo « tradukitaj » kaj « netradukitaj » (mi uzas tiujn terminojn, kvankam ili ne tute taŭgas) propraj nomoj, pruvas sufiĉe, ke la problemo ne estas solvita. Ankaŭ la fakto, ke oni diskutas pri ĝi. Tiu problemo solviĝos nur tiam, kiam Esperanto estos uzata en la ĉiutaga vivo de sufiĉe granda nombro da homoj. Tiam ĝi tre verŝajne solviĝos en maniero, kiu ne respondos al la « principoj » de Sinjoro Marly, kiu cetere havas tiel striktajn principojn, ke li grandanime tuj akceptas esceptojn.

La bazo de lia principo estas la latina alfabeto. Li ŝajne forgesas, ke ni ne uzas la latinan, sed la esperantan alfabeton Nia alfabeto same kiel la ĉeĥa, la turka aŭ la vjetnama, devenas de la latina, sed ĝi **ne estas** la latina. Cetere, eĉ se oni konsiderus la latinan alfabeton (kiu estas malpli riĉa, ol la esperanta), multaj eŭropa nomoj ne estus skribeblaj. La pruvo estas, ke la kompostisto de **Franca Esperantisto** ne povis presi « korekte » la naciajn nomojn de Kopenhago kaj Munkeno, kiujn S-ro Marly intencis citi. En **Besançon,** la litera **ç** estas franca, ne latina. Kaj kion diri pri nomoj polaj, ĉeĥaj k.a. ? Kaj ĉu la literoj w, y, estas latinaj ?

Se ni sekvas la vojon de S-ro Marly, kie halti ? Oni ankaŭ povas konsideri, ke la nomoj de landoj estas ne tradukendaj. Ĉu ni solvu la kverelon Ujo-Io per la elesperantigo de la koncernataj nomoj ? Sed ankaŭ la nomoj de enloĝantoj povas esti konsiderataj kiel propraj.

Ŝajnas al mi, ke S-ro Marly bazas sin sur la falsa ideo, ke la nacia nomo estas la « vera » nomo de la urbo, regiono k.t.p. La vero estas, ke ĝi estas nur nacia nomo. Se internacia publiko ĝin uzas, estas normale, ke tiu nomo alprenas (mi ne diras « alprenu », ĉar ĝuste mi ne havas « principojn ») internacian formon. Tiel klariĝas la « esceptoj » de S-ro Marly : Londono, Parizo, kaj diversaj lokoj, eĉ malgrandaj, vizitataj de esperantistoj, jam ne apartenas al siaj naciaj enloĝantoj, sed al nia internacia popolo : tial ili estas esperantigitaj. Tial, dume, multnombraj nomoj de lokoj restas netradukitaj : sed oni ne povas riproĉi al vortaristoj, se ili pionire — sed prudente — lumigas la vojon.

Tiel klariĝas ankaŭ la jena rimarko, kiun oni povis legi en **Germana Esperanto-Revuo** de Oktobro 1960 : « **Kongresa Flago** — Ĉiuj ĝisnunaj kongreslokoj ek de la dua mondmilito estas nomitaj nacilingve. La 45-a U.K. subite enhavas Esperantan nomon. Kial oni faris tiel ne jam dekomence ? » Mi suspektas, ke la bona respondo estas la jena : la kongresorganizantoj volis respekti la naciajn nomojn. Ili konsideris, ke **Paris** apartenas ekskluzive al la Francoj kaj **Warszawa** al la Poloj. Sed ili malkovris, ke Bruselo apartenas al du malsamlingvaj popoloj, sekve havas en la lando mem, du nomojn. Ĉar estis neeble elekti arbitre aŭ la francan aŭ la nederlandan formon, kaj ĉar ili tamen konsciis, kiel ridinde estus uzi ambaŭ nomojn en Esperanto-Kongreso, la organizantoj genie ekpensis, ke, en tia duba okazo nia lingvo povus taŭgi, tio estas, ke ili retrovis subite la fundamentan ideon, sur kiu baziĝas nia lingvo. Mirinde, ĉu ne ?

La solvo proponita de S-ro Marly lamas, ĉar lia propono de « proksimuma » prononco estas jam fakte esperantigo (se Lyon ne estas Liono, ĝi estos Ljon). Li nur volas konservi religie la ortografion, kiu estas, en ĉiu ajn lingvo, la plej konvencia, do plej ŝanĝebla afero. Plie, ĉar la verŝajne konas nek la rusan nek la ĉinan lingvojn, li facilanime kondamnas ties skibajojn al transskribo. Tio ne estas logika, ĉar kiel mi jam diris, multaj latinidaj literoj estas tiel fremdaj al Esperanto, kiel la slavaj aŭ la ĉinaj signoj. La « solvo » de S-ro Marly kondukus do ne nur al neevitebla « kripligo » de multnombraj nomoj, (tiel, ke tiuj nomoj estus nek naciaj, nek esperantaj), sed ankaŭ al konstanta « klarigo » de la « proksimuma » prononco. Oni do devus skribi : Munchen (pr. Minŝen), Lodz (pr. ŭudj), k.t.p., tio estas du vortoj anstataŭ unu, por atingi la jenan rezulton : kripligita ortografio plus kripligita prononco. Malgraŭ tio, S-ro Marly « ne vidas utilecon » **en la uzo de la esperanta lingvo inter esperantistoj !**

La problemo do ne estas solvita. Ni estas en transira epoko, ĝuste ĉar nia lingvo estas ankoraŭ malvaste uzata. Sed, malgraŭ tio, ĝi estas lingvo aŭtonoma, plenrajta, ne inter-nacia miksopoto aŭ « helpa » komprenilo. Ŝajnas, ke Sro Marly ne komprenas tion, ĉar li sin apogas sur la argumento, ke se ni parolas en Esperanto... la neesperantistoj ne komprenos, kaj (klimakso de l'hororo !) mokos nin !

Kial ne peti de S-ro Blinkenberg, ke li solvu niajn lingvajn problemojn ?

Michel DUC GONINAZ.

## NEKROLOGO: MARTHE FERRAN

**Reveninte el Grésillon la 19-an de Septembre por viziti kun Prezidanto André Marie la estrojn de la Popoluniversitato en Tours, mi iris, kiel kutime, 59, rue Avisseau, por saluti mian maljunan amikinon, Sinjorinon Ferran. Ĉe la pordo, mi havis la malĝojon eksciì ke la antaŭa tago, vespere, tute trankvile, forpasis ŝi.**

**De antaŭ la unua mondmilito, Marthe Ferran estis esperantistino, kaj dum pli ol dudek jaroj majstre gvidis kiel Prezidantino, la esperantistan grupon en Tours. Dum pluraj jaroj, ŝi estis administrantino de S.F.P.E. kaj, poste, de U.E.F.**

**Ni bone memoras ŝian partoprenon al niaj universalaj kongresoj kaj ŝian verkadon por « Franca Esperantisto » okaze de tiuj kongresoj : Kolonjo, Stockholm, Romo, Vieno, ktp...**

**La esperantista movado perdas larĝaniman virinon. Persone, mi perdas plej ĉarman, ĉiam junan amikinon, spite de 88 jaraĝa.**

**Al ŝiaj gefratoj, Gesinjoroj Goulinat, ni prezentas nian plej koran kondolencon. P. P.**

**La Grupo de Lyon informas nin, ke F-ino Blanche CLAVIER perdis sian patrinon.**

**Ankaŭ nia malnova samideano, S-ro SALZMANN, kiu tradukis diversajn librojn kaj aktive laboris por la movado, forpasis post longa malsano.**

**La Alĝera grupo informas nin pri la morto en Marseille de nia samideanino, S-ino LORENZIN.**

**La Grupo de Bornemouth sciigas al n', ke S-ino L.-E. BLACKLOCK, kiu naskiĝis en Francujo kaj kunlaboris kun Lydia Zamenhof en la Sudo de Francujo, mortis en Bornemouth post agado en tiu grupo.**

**En Cholet nia samedeano Marius DOUE, mortis je la aĝo de 94 jaraj. Li ĉeestis la unuan kongreson en Boulogne kaj rilatis kun D-ro Zamenhof mem.**

**En Varsovio S-ro André COLLEU (profesoro pri angla lingvo), en Le Havre, mortis dum vojaĝo.**

U.E.F. prezentas al la familioj siajn elkorajn kondolencojn.

# L'Esperanto dans la Presse Française

BULLETIN DE L'ASSOCIATION DES ETUDIANTS DE LILLE. — Avis aux Espérantistes de l'A.G. (mars 1961).

LE PROGRES DE LYON. — Les astronomes de Zagreb (27-3). — Distribution des Prix à la Société Espérantiste de Lyon (19-6).

LA DEPECHE DU MIDI (édition Catalane). — La 2e Semaine Pédagogique Espérantiste, avec photo (1-6).

OUEST-FRANCE (quotidien, Rennes). — Chronique espérantiste (24-5).

LE PONTISSALIEN (hebdomadaire, Pontarlier). — La Conférence de M. Hamvai (13-5).

SUD-OUEST (quotidien, Bordeaux). — Trois informations (13-5 - 20-6 - 24-6).

LE COURRIER DE LA MONTAGNE (hebdomadaire). — La conférence de M. Hamvai (13-5).

LE DAUHINE LIBERE. — La Chronique Espérantiste (31-5). — Rencontre amicale franco-italienne à Verzuolo (Italie), entre espérantistes (5-6). — Sortie espérantiste dans le Piémont (7-6).

LA VOIX DU BOCAGE (hebdomadaire, Calvados). — Chronique espérantiste (26-5).

OUEST-NORMANDIE (Calvados). — Chronique Espérantiste (25-5).

LES NOUVELLES (Les Andelys). — Une messe extraordinaire (mai).

LE JOURNAL DU CENTRE (quotidien, Nevers). — Examen du Cours d'Espéranto de Cosne, avec photo (5-6).

DERNIERE HEURE (quotidien, Lyon). — La Société Espérantiste de Lyon a fêté ses lauréats (19-6).

L'INDEPENDANT (quotidien, Perpignan). — En l'honneur de la Semaine Pédagogique du Centre Culturel espérantiste, avec photo (30-5).

EST REPUBLICAIN (quotidien, Nancy). — La Conférence du Dr. Hamvai (8-5).— Une Lunévilloise espérantiste en Hollande, avec photo (27-6).

LUNDI-MATIN (hebdomadaire, Nancy). — Le 21e Congrès d'Espéranto dans la région de l'Est, avec photo. — La Fédération Espérantiste a formé son nouveau bureau (8-5).

LE BERRY REPUBLICAIN (quotidien, Bourges). — Examen d'Espéranto à l'Ecole Normale d'institutrices, avec photo (6-6). — Examen d'Espéranto au Collège de Filles (7-6).

LA NOUVELLE REPUBLIQUE (quotidien, édition du Cher). — Examen d'Espéranto à l'Ecole Normale d'Institutrices, avec photo (6-6). — Examen d'Espéranto au Collège de Filles de Sancoins, avec photo (7-6).

COURRIER DE L'OUEST (quotidien, Angers). — Au Château de Grésillon (23-6) — Les astronomes espérantistes de Zagreb (31-5).

OUEST-NORMANDIE (hebdomadaire, Condé-sur-Noireau). — LA VOIX DU BOCAGE (hebdomadaire, Vire). — Mlle Eliane Aumont, de Vire, lauréate d'un Concours d'Espéranto (29-6).

COURRIER DE L'OUEST (quotidien, Angers). — Avec l'Espéranto, au-delà des frontières (5-7). — Un groupe d'espérantiste au Musée Pincé, avec photo (17-7). — Rencontre internationale espérantiste à Grésillon, avec photo (19-7). — Au Château de Grésillon (25-7).

L'INDEPENDANT (quotidien, Perpignan). — Conférence sur la Sardane et les chansons catalanes (24-7).

L'EST REPUBLICAIN. — Les espérantistes au Cercle du Travail (5-7).

LES PETITES ANNONCES ROUSSILLONNAISES

LE JOURNAL DE BOULOGNE. — Il a fallu parler cinq langues !... Pourquoi pas l'Espéranto ? (28-8).

LA VOIX DU NORD (édition de Calais). — Interview de M. Robert Buerick, délégué espérantiste, avec photo (25-8).

LE BERRY REPUBLICAIN (quotidien, Bourges). — Le tourisme par l'Espéranto (17-8). — Retour du Congrès international, des espérantistes italiens reçus par les espérantistes vierzonnais, avec photo (27-8).

SUD-OUEST (quotidien, Bordeau). — Catalogue d'appareils médicaux en espéranto. — Le ministère des P. et T. lance un film en Espéranto (8-8).

La « Journée d'Etudes » des Espérantistes du Nord, au cours de laquelle, il a été décidé de proposer Boulogne-sur-Mer, comme siège du 48e Congrès Universel, a été l'objet de commentaires très favorables de la presse locale. LE JOURNAL, quotidien de Boulogne, lui consacre un important article accompagné d'une photo des congressistes. NORD-MATIN, dans son édition de Boulogne du 12-9, donne un compte-rendu intéressant, avec une photo des espérantistes, à l'Hôtel-de-Ville où ils furent reçus officiellement. LA VOIX DU NORD, édition de Boulogne du 12-9, relate longuement cette journée ; un très beau cliché des congressistes, dans le no du 13-9 complète fort heureusement cette information.

LA VOIX DU BOCAGE (hebdomadaire, Vire). — Chronique Espérantiste (29-9).

OUEST-NORMANDIE (hebdomadaire, Condé-sur-Noireau). — Chronique Espérantiste (28-9).

SUD-OUEST (quotidien, Bordeaux). — Cinq courtes informations dans le cours du mois. Dans son supplément hebdomadaire « SUD-OUEST DIMANCHE » du 24-9, excellent article : L'Espéranto : il efface les frontières du langage.

L'INDEPENDANT (quotidien, Perpignan). — Les scouts espérantistes (26-9). — Réouverture des Cours à Perpignan (27-9).

LA NOUVELLE REPUBLIQUE (quotidien, Tours). — Cours d'Espéranto à St-Avertin (20-9).

LA FRANCE (quotidien, Bordeaux). — Cours d'Espéranto (19-9).

OUEST-FRANCE (quotidien, édition de Bayeux-Vire). — Chronique espérantiste (28-9).

L'IMPARTIAL (hebdomadaire, Les Andelys). — Une brochure en Espéranto éditée par le Gouvernement allemand (2-9). — Le tour d'Europe du Dr. Hamvai (9-9).

LA REPUBLIQUE DU CENTRE (quotidien, Orléans). — Voyage d'espérantistes orléanais en Hollande (2-9). (hebdomadaire, Montpellier). — Conférence sur la Sardane et les chansons catalanes (22-7).

SUD-OUEST (quotidien, Bordeaux). — Concours d'Espéranto (24-7).

LA FRANCE (quotidien, Bordeaux). — Un catalogue médical en espéranto (29-7).

DERNIERE HEURE (quotidien, Lyon). — Le 46e Congrès Universel d'Espéranto (8-7).

LE DAUPHINE LIBERE. — Chronique espérantiste (19-7).

LE JOURNAL DU CENTRE (quotidien, Nevers). — La Malédiction de Babel (1-7).

Reçu également trois coupures de journaux de Montélimar, sans indication du nom des journaux et sans date. Les articles mentionnent les résultats des épreuves de l' « Atesto pri Lernado » à Montélimar et Le Theil, et le voyage du groupe « Rodana Stelo » à Turin.

LE 46e CONGRES UNIVERSEL A HARROGATE a eu plusieurs échos dans la Presse française. Voici 10 articles qui nous ont été communiqués : SUD-OUEST (quotidien, Bordeaux). — Un bref compte-rendu avec photo du Congrès. — LE PROGRES (quotidien, Lyon), insiste sur la présence au Congrès, de trois fillettes de Caluire, qui ont participé au « Petit Congrès des Enfants » ; photo des enfants et de leur institutrice à la rédaction du journal. — L'EST REPUBLICAIN, dans son édition du Doubs, a consacré deux articles au Congrès ; le 3-8, programme du Congrès avec photo du jeune Claude Trésorier, participant du « Congrès des Enfants » ; le 17-8, intéressant compte-rendu du Congrès par M. Turin, instituteur à Pontarlier. — LE COMTOIS, dans son no du 4-8, parle des différents congrès d'Espéranto et mentionne que le plus jeune et le plus âgé des espérantistes de Besançon vont à Harrogate (Claude Trésorier, 13 ans et Auguste Joly, 77 ans !) article illustré d'une belle photo de M. Joly. Ce même journal a donné le 28-8, un compte-rendu très documenté et très vivant du congrès, illustré de deux clichés, dont l'un, d'une grandeur exceptionnelle montre avec netteté, le groupe des congressistes. — LES DEPECHES DU DOUBS, ont consacré trois articles illustrés au Congrès et aux espérantistes de Besançon, avec des interviews de Claude Trésorier et du « Père Joly ».

LE JOURNAL DU CENTRE (quotidien, Nevers), dans son éditorial du 12-8, signé Charles Exbrayat et intitulé « En écoutant M. Krouchtchev » a publié un éloquent plaidoyer en faveur de l'Espéranto. E. MOTILLON.

# Kial li ne estis - Esperantisto -

Iun dimanĉon, matene.

Mi eniras en la substacion « Gare de l'Est » de la enurba fervojo « Métro » (*), kaj jen mi estas jam sur kajo.

Alvenas al mi viro, evidente alilandulo, balbutante ion, kaj li montras paperon, tenatan en la mano. kun la vortoj : « Saint-Michel - Direction Porte d'Orléans ».

— Tien mi iras, mi respondas france; estas tie, energie montrante per mia ... montra fingro la kajon, sur kiu ni estas, kaj, proksimiĝante al la murplano, mi laŭindikas la linion « Porte de Clignancourt - Porte d'Orléans » : — Vi iros tien : « Porte d'Orléans », sed vi antaŭe haltos tie en stacio « Saint-Michel ».

Sed jam la vagonaro alvenas, kaj ni rapide eniras, mi en unu vagonon, — li, en alian, kaj la vagonaro tuj forruliĝas.

Ha! kia stranga kurbo en la linio! mi tuj rimarkas. Ho! katastrofo! mi eraris pri la kajo : anstataŭ iri al « Porte d'Orléans », suden, la vagonaro iras al « Porte de Clignancourt », norden!

El mia frunto gutas ŝviteto sur miajn brovojn. Kion fari? Mi devas decidi ion, tuj.

Kaj je la unua stacio « Gare du Nord » mi eliras el la vagono... sed ne eble averti la « amikon », ke mi eraris kaj erarigis lin. Li daŭrigas sian maltrafan vojaĝon norden anstataŭ suden.

Kaj mi, tra koridoro, iras al alia kajo por trovi la ĝustan malan direkton.

⁂

Kiamaniere mi, malnova enloĝanto de Parizo — eble pro miaj profundaj pensoj — eraris pri kajo?

Sed, ja, kial la « amiko » ne estis esperantisto? Tiam ni estus certe babilintaj kaj ni ambaŭ estus enirintaj en la saman vagonon.

Mi esperas, ke la « amiko » iel retrovis ne tro malfrue la ĝustan direkton, certe neniel komprenante, kial okazis tia stranga eraro.

Ĉu mi bedaŭris? Mi pensas, ke nur malmulte.

Roland JOSSINET.

(*) *Varankin aperigis iam romanon sub la titolo* « Metropoliteno ». *Tiu vorto tamen estas tro longa, tial oni povus ĝin uzi koncizigita je* « metro/o ». *(Noto de la Red.).*

—o—

**NASKIĜO**

**Koran bonvenon al Joëlle, filino de Ges-roj Pierre ROYER.**

# La Kastelo de Fontainebleau

*Inter la multnombraj kasteloj de « Ile-de-France », tiu en Fontainebleau estas sole per siaj arĥitekturo, meblaro, memoraĵoj, kiujn ĝi elvokas, resumo de la tuta historio de nia lando.*

*Unue ĝi estis ĉasrendevuejo meze de la ĉasaĵabundo arbaro de Bière, ŝatata restadejo de Sankta Luizo kaj Karlo la V-a, kiu eĉ starigis bibliotekon, unua fonduso de la Nacia Franca Biblioteko.*

*Francisko la Unua, vera kreinto de la nuntempa palaco, transformis ĝin kiel reĝan restadejon. Malkonstruiginte la iaman feŭdan kastelon, li konstruigis pli larĝajn konstruojn laŭ la Renesanca stilo : se la arĥitektoj estis francaj, la enaj ornamoj estis konfidataj al italaj artistoj, kiel Primatiĉo, kiu grupigis ĉirkaŭ si multe da samlandanoj (« la skolo de Fontainebleau »). Henriko la IV-a per daŭrigaj laboroj de 1593 ĝis 1609 alportis al ĝi la nunan aspekton, fosigis la kanalon, desegnigis la ĝardenojn.*

*Se Ludoviko la XIV-a preferas Versailles, celo de ĉiuj liaj zorgoj, almenaŭ la Korteganoj translokiĝas ĉiun aŭtunon al Fontainebleau, je la ĉasepoko. Tiuj restadoj daŭros ĝis la falo de la Monarĥio.*

*Sufiĉe nedifektita de la Revolucio, la kastelo retrovas sian iaman gloron sub Napoleono la 1-a. La Imperiestro igas ĝin unu el siaj ŝatataj restadejoj. Tie li akceptas, amike kaj poste mastre, la Papon Pio VII-a, retenitan kiel kaptito en la kastelo dum pluraj monatoj. En tiu kastelo Napoleono retiriĝis en 1814 post la kapitulaco de Parizo ; tie li subskribis sian abdikon, adiaŭis la Gvardion amasigitan en la Blanka Ĉevala Korto, nuntempe la Adiaŭa Korto, bildo rapide enigita en la popolan bildarton.*

*Tiel finiĝas la granda historio de la kastelo. Poste ĝi estis nur — eĉ dum la « Dua Imperia Regno » — ejo de epizodaj restadoj.*

*Pro ĝiaj multnombraj konstruoj, ofte ŝanĝitaj kaj renovigitaj, la Kastelo konservas plurtipan stilon. La ĉefa fasado enhavas kvin pavilonojn : tiu en la centro estas antaŭigita de la famkonata « Hufa ŝtuparo ». La aliaj konstruaĵoj ĉirkaŭas multnombrajn kortojn, kies unua rigardas al la famkonata lageto de la « Karpoj ».*

*Ne nur la ekstera aspekto, estas ankaŭ la interna dekoracio kaj meblaro, kiu donas plenan intereson je vizito de la kastelo. Oni tie retrovas la evoluon de malsamaj francaj stiloj : plafonoj, murlignaĵoj, pargetoj el Renesanco, meblaro, tapetegoj el la 17-a kaj 18-a jarcentoj, fine severa kaj luksega meblaro de la empira stilo igas tiun ensemblon kompleta muzeo de la franca arto.*

*Tradukis Jack A. ROUSSEAU.*
*Laŭ Informilo n° 1/1951*
*de Franca Poŝtoficejo.*

---

L'AURORE (quotidien, Paris). — Visa pour Nobel (mars 61).

LIBERATION (quotidien, Paris). — Pour l'Esperanto (11-4).

LE DAUPHINE LIBERE (quotidien, Grenoble). — La chronique espérantiste. — Cours d'Esperanto à Briançon (12-4).

COURRIER DE L'OUEST (quotidien, Angers). — Les espérantistes angevins au Musée Pincé (4-4). — Des espérantistes anglais en Anjou, avec cliché ; article paru dans l'édition d'Angers et dans celle de Baugé (7-4). — Prolongation des cours d'Esperanto à Angers. — Rencontres internationales (11-4). — Confusion de langues dans les écoles italiennes (12-4).

# KONGRESO en HARROGATE

**Vere, Anglujo ne ŝanĝiĝas! Ankoraŭ nun la policisto ĉe la dogano kontrolas ĉu nia nomo ne troviĝas en la speciala libro de la « danĝeruloj », li petas de ni la kialon de nia alveno, kiom da tempo ni intencas resti kaj la adreson kie oni povus retrovi nin.**

**Ni revidas nian konservativan Anglujon kun siaj monaj kaj mezuraj malfacilaĵoj, kun siaj bone kaŝitaj kafejoj, malfermitaj dum ok horoj tage kaj malpli dimanĉe, kie la Angloj, starante, trinkas multekostan, varman bieron.**

**Ni respertas, proprariske, la veturadon ĉe la maldekstra flanko de la stratoj. En la hoteloj karbofaroj brulas en la salonoj. En la dormoĉambroj, por unu ŝilingo, ni povas ricevi kvar horojn da varmo de elektra aŭ gasa hejtigilo kaj la servistoj metas kaŭĉukajn botelojn en la litojn.**

**Tamen, ni ŝategas la vekigon per taso da teo tre varma kaj la parfumon de lardo ĉie en la domo, parfumo kiu kondukas nin al abunda matenmanĝo. La malpezaj lunĉoj kun boligitaj legomoj ne difektas la hepaton, nek la pura akvo kiun ni trinkas kun ĝi.**

**Jen krom kelkaj malvarmumoj, ni foriros el Harrogate, la angla « Vichy », sanaj mense kaj korpe.**

## SURVOJE AL LA VENKO

**Ni ekscias, ke ĵus falis en la manojn de nia agema popolo la urbo Harrogate en Jorkŝir (Anglujo).**

**Jen la raporto de nia milita korespondanto :**

Harrogate, la 12-an de Aŭgusto 1961.

La afero plene sukcesis dank'al meritplenaj klopodoj de la tri plej famaj ĉefoj de l'tuta mondo kaj de ĉiu tempo, t.e. : Sekelj, Lapenna kaj Waringhien, kiuj iras de venko al venko sub aproba rigardo de Prezidanto Yagi.

Taŭga momento estis tre bone elektita. En Harrogate, lukse ornamita de floroj belkoloraj, la Angloj pensis nur pri agrabla libertempo. Iuj golfludis, aliaj naĝis aŭ aŭskultis muzikon, kiam subite Esperantoj eniris la urbon ĉiuflanke.

Ni devas mencii, por diri tutan veron, ke la operacio estis ja faciligita de taĉmento jam sekrete instalita en la koro mem de la urbo sub komendo de diable kompetenta intrigulo : Fighiera. Tiu manpleno de kuraĝaj voluntuloj nomita Lokoko sukcesis subaĉeti la urbestron mem, kiu malfermis la pordojn de la urbo, refortigis la invadistojn per manĝotrinko, kej eĉ konsentis uzi ilian propran lingvon !

La enlaĝantoj provis ja rezisti obstine. Oni vidis multaj verdstelulojn reflui el restoracioj, kiujn ili unue sed vane atakis. Tamen ankaŭ tiu baro baldaŭ falis, verŝajne dank'al neatendita apogo de la Ĥinoj. Mi emas kredi, ke tiun valoran helpon ni ŝuldas al la sagaca generalo Sekelj, kiu tre oportune adoptis la ĥinan manĝmanieron, kaj instruis ĝin al siaj plej lertaj trupaninoj.

« Grand Hôtel », fortikaĵo sur altaĵo, laste rezistis. Fine ĝi devis malfermi siajn pordojn je la dudektria, tute venkita. Tiam la tuta urbo paciĝis, kaj la batalintoj ambaŭflanke ĝuis agrablan ripozon.

Ĉi tiuj altvaloraj milittagoj okazis sabate, la 5an de Aŭgusto, kaj dimanĉe, kiam la suno denove lumis, Esperantaj flagoj flirtis sur la ĉefaj konstruaĵoj de la nove konkerita urbo.

## ARTA FESTIVALO EN ĈARMA LANDO

— Mediteraneanoj, homoj de la landoj kun brilega suno, luma maro, bongustaj vinoj, bonodoraj floroj, kie la vivo estas ĝoja, kial Vi iras ĝis Britujo, kie vane Vi serĉos tiujn juvelojn ? Rapiđe vi returnos varmigi viajn ostojn, sekigi viajn vestojn !

Sudaj esperantistoj, homoj ĉiam batalantaj kaj baraktantaj por via sankta ideo, kien vin kondukos via amo de la kongresoj ? Post la pilgrimo al Varsovio, post la lando de la kolbasoj dronigitaj en rejnan vinon, vi, denove, forlasas viajn lazurajn randojn por alkuri al la brumo, por ĝui la pluvon post ŝipirado sur hula Manika maro.

— Jes, stranga estas la angla vivmaniero. Ek de la komenco, vi devas alkutimiĝi ĝian maldekstran stiradon Vi tuj ekscias ke la voja disko de limiga rapidiro indikas 50 kvankam vi rajtas veturi okdekkilometre po horo Vi devas solvi algebrajn problemojn ĉe la pumpisto por koni la enhavecon de via rezervujo, pli kompleksan problemon kiam vi volas pagi kaj. finfine, laca, venkita, vi rezignacias etendi la manon plenan je mono kaj fidi la pumpiston, fidindan viron ,feliĉe !

Stranga lando certe, kie vi vane serĉos la krustan panon kraketantan ĉedente la pastojn laŭ la itala maniero, la ruĝbrilan vinon, la spicitajn ameme preparitajn pladojn. Ve! Vi devas kontentiĝi per varma lakto kun teo aŭ kafo anstataŭ viaj aromaj trinkaĵoj.

Seniluziiĝu. Esperantistoj, kvankam sudlandanoj, scias rapide alkutimiĝi la morojn de la vizitataj landoj, kie la kongresoj ilin kondukas : malgraŭ la ĉiam nerekta vivmaniero, la kalkuloj kaj la kutimoj tre diferentaj de la niaj, Britujo meritas la vojaĝon.

La suno ofte mankas, certe. Vi surmetas, dum Aŭgusto puloveron kaj jakon, sen forgesi pluvmantelon komfortain ŝuojn. Sed, ĉar mankas la suno, la koloroj estas pli mildaj, pli agrablaj : vi kunportos la memorajon de verdaj gazonoj atente prizorgitaj, de prosperaj florĝardenoj pri kiuj Harrogate fieriĝas.

Demokrataj, laŭregulaj estas la Angloj. Tio estas grava malhelpo, ĉar vi ne rajtas stiri laŭ via temperamento, via fantazio. Sed, kompense, neniam, en viaj landoj, vi aŭdacus iri tiel rapide kiel sur la aŭtovojo M 1, kiu kunligas rekte la sudan al la norda parto.

La leĝo estas la leĝo, la reĝino, la reĝino. Ĉiu vera anglo respektas la unuan honoriĝas pri la dua. Sed, kiam oni rifuzas al vi alkoholaĵon, kiam oni subite ĉesigas la balon vi scias neniam ĉu estas pro obeo al la leĝo aŭ honoro al la reĝino !

Vi ne konas la guston de la vinon, sed, matene, vi baldaŭ alkutimiĝos al la abunda manĝaĵo. Vi havos tiel la facilecon antaŭripari la dumtagan faston truditan de tro ampleksa programo de la kongreso.

Ni konfesos al vi ke ni ne forlasis niajn marbordojn orumitajn de lumo por kritiki alian genton, sed por vi unu semajnon en Esperantujo. Tie, ĉiam la sama akceptema popolo, ĉiam la sindonema L.K.K., la vera plezuro de la revido, de renkontoj kun sinceraj amikoj, la samaj ĝojoj, la sama entuziasmo.

Marsejlo prezentis agrablan kongreseton, Majenco gajan ŝipiradon sur Rejno, Varsovio imponan jubilean renkonton : Harrogate ne maltrafis sian celon : la 46-a kongreso estis arta.

Ĝi debutis per la unuaj el la artoj : la manĝaĵo kaj la danco. Estas kurioze vidi la sintenon de la

# WOKINGHAM 1961

Le 17e Congrès International des Jeunes de Tutmonda Esperantista Junulara Organizo (TEJO) s'est tenu près de Wokingham, petite ville bourgeoise, à proximité de Londres. C'était en effet un endroit très bien choisi pour un congrès : le grand parc, qui entourait le collège, permettait de belles promenades aux congressistes. Holme Grange, collège de garçons, avait été bien aménagé par le L.K.K. en vue de l'accueil de la jeunesse : les classes étaient devenues des chambres-dortoirs rappelant l'atmosphère de l'internat. Deux salles servaient de lieu de discussion ; une plus grande, de salle de conférence et à l'occasion devenait salle de bal, car le travail et la distraction se partageaient notre temps.

Revivons ensemble le congrès :

Réunis dans la grande salle, les congressistes écoutent les paroles de bienvenue de Günther Becker et du président du L.K.K., Humphrey Tonkin, puis les délégués des groupes espérantistes de chaque pays se succédèrent pour apporter des souhaits de réussite et des mots d'amitié de ceux qui n'ont pas pu venir.

Le soir, un petit bal entrecoupé de jeux de société nous permet, tout en nous amusant, de mieux connaître nos futurs amis. Lundi matin, après le petit déjeuner, nous pouvons profiter de la beauté du parc avant d'assister à une discussion. Cette innovation du L.K.K., nous permet d'échanger nos idées sur des thèmes, intéressants et variés, tels que : l'entrée éventuelle de l'Angleterre dans le Marché Commun, le Procès d'Eichmann, le rôle de l'artiste dans la société, organisation des groupes espérantistes dans chaque pays. Elle a pleinement réussi.

L'après-midi, nous allons à Reading; la visite de la biscuiterie Huntley and Palmers, commentée par une charmante hôtesse, nous révèle l'immensité des locaux et le perfectionnement de l'outillage, et se termine par une collation. Voilà une bonne initiative des organisateurs !

La grande salle prend un visage de fête à l'occasion du Bal International ; des ballons et des guirlandes multicolores égaient la pièce. Quelques invités se mêlent aux congressistes dans leurs plus beaux atours et voient l'extraordinaire effet de l'Espéranto qui réunit une centaine de jeunes de treize pays différents. Les couples tourbillonnent, les danses modernes succédant aux danses folkloriques anglaises. L'élection de Miss Espéranto se fait selon la meilleure tradition et le choix se porte sur Marily Brieussel, une jeune et charmante Marseillaise.

Après le divertissement, retour aux choses sérieuses : le concours oratoire dont les thèmes sont : naciaj karakteroj, realismo kaj idealismo, arboj, ĉu la junularo bezonas esti organizita?, tous traités avec brio. Les lauréats sont félicités par Doktoro Lapenna qui fit par la suite une conférence claire et brillante sur l'état actuel et le sens de notre mouvement dans le monde. Ce sujet passionnant est débattu avec beaucoup de vivacité par les jeunes.

Ensuite, nous sommes reçus à l'Hôtel de Ville de Wokingham avec beaucoup d'amabilité. Le discours de Madame la Mairesse, très chaleureux pour notre mouvement est aussitôt traduit en Espéranto. Un lunch clôture la réception. Cet accueil plein de sincère compréhension et d'amitié nous touche vivement.

De retour à Holme Grange, un splendide feu de camp nous attend. En savourant un repas froid et en buvant du cidre, nous pouvons jouir du spectacle que nous offrent les flammes et de la présence de nos amis. Dans la nuit, les refrains les plus connus de chaque pays succèdent aux chants espérantistes. C'est une soirée merveilleuse, quel regret d'aller se coucher !

Les jeunes échangent des idées, mais ils aiment bien s'amuser ; aussi un concours sportif, mercredi matin, met-il aux prises garçons et filles. Les lauréats sont récompensés par des chocolats et des biscuits qu'ils dévorent à pleines dents avec leurs amis. Les photos fixant

---

kongresanoj ĉirkaŭ la frandajoj : malsategantaj uloj. Laŭdinda estas la merito de la komunumo akcepti ilin, pli laŭdinda satigi ilin, ĝis ilia rifuzo antaŭ novaj allogaj manĝajoj.

Arta estis la kongreso pro la prelegoj de sinjoroj Lapenna, Yagi, Dupuis, pro la oratora konkurso kie naŭ gejunuloj el ses diversaj nacioj lerte vetparoladis por la honora gravurigo de sia nomo sur bela pokalo, pro la deklama konkurso honorigante nian karmemoran prezidanton en la sama kunsido kie ĉarma italino memorigis per sia kristala voĉo Dante, senmorta.

Arta estis la teatro, internacia, tiel pro siaj diversnaciaj aktoroj, kiel pro siaj diverslandaj verkoj : renkonto kun Sarthe, Ĉeĥov, Jean Cocteau, Marjorie Boulton, kun Zyn'itiro Tanizaki, japana verkisto, renkonto kun mezepoka ĉefverko : Farso de Advokato Patleno, kun la fama interpretanto Flego kaj lia trupo. Plensukcesan teatrajon pri la vivo de Litz prezentis Rolland Dupuis. Li ĉion starigis dum la unuaj tagoj en Harrogate, per aktoroj el ok nacioj, ĉerpitaj trafe maltrafe en la popolo de la kongreso mem. Viglaj, graciaj dancoj, harmoniaj ĥoroj prezentitaj de du jugoslavaj ensembloj kontribuis la plenan sukceson de tiu unua arta kongreso, pligrandigita de la ĉeesto de la mondkonata angla pianisto Frank Merrick.

Ne, Mediteraneanoj ! Ne timu forlasi viajn ŝatatajn regionojn dum unu semajno por revivigi ĉiujare vian kredecon en Esperanto. Ne malestu la kongreson. Provu, okaze de la venonta, en Kopenhago !

GARRIGUE.

les scènes inoubliables sont, ce matin-là, nombreuses.

Etre si près d'Oxford et ne pas y aller serait une grave faute ; une excursion nous amène dans cette ville où les églises et les collèges sont plus nombreux que les résidences. Le soir, nous descendons la Tamise, grise et calme, à travers la verte campagne anglaise.

Le jeudi matin est riche en conférences : la poésie et la musique espérantistes en sont les thèmes. Le grand pianiste, Frank Merrick accompagne une cantatrice et tous deux participent à la Belarta Vespero, au cours de laquelle William Auld a le plaisir de nous présenter quelques uns de ses poèmes, en Espéranto, velouté et sonore comme une langue méridionale. Cette soirée traduit l'effort fourni par les organisateurs pour faire connaître aux congressistes la richesse de l'Espéranto.

Vendredi, la visite du Château de Windsor est la première étape de cette belle, mais dernière excursion. Un guide nous fait visiter les principales salles, puis nous nous promenons dans la ville avant de reprendre le car pour Putney. Là, nous descendons la Tamise jusqu'au cœur de Londres. Nous formons alors des groupes et nos amis anglais se proposent gentiment comme guides pour nous faire voir en un temps record toutes les curiosités de la ville. Nous pouvons admirer l'architecture de Buckingham Palace, de Westminster Abbey, Saint Paul's Cathedral, Tower of London. Plusieurs groupes se rencontrent au Planétarium ou chez Madame Tussaud. Nous nous promenons dans quelques uns des accueillants parcs anglais : Hyde Park, Regent's Park. Le soir, le visage nocturne de Londres nous apparaît : Piccadilly Circus et ses enseignes lumineuses, la Tamise et ses ponts illuminés. Nous regagnons Holme Grange au milieu de la nuit. C'est le dernier soir, attristé par l'idée du départ, où l'on s'aperçoit qu'on a des tas de choses à se dire mais que l'on va bientôt se quitter. On échange des adresses, on se donne rendez-vous au prochain congrès, on ne se décide pas à aller se coucher.

Le dernier jour vient avec la séparation inévitable et chacun regagne son pays et ses occupations, en gardant le souvenir de cette magnifique semaine qui aura fait naître par delà les frontières des réseaux d'amitiés.

Servant le développement de l'Espéranto, le 17 IJK de **T.E.J.O.** a été une pleine réussite et un pas de plus fait vers notre idéal commun : l'expansion de l'Espéranto.

Ne regrettons pas ce 17e congrès qui a passé si vite; pensons plutôt à l'avenir et au 18e qui réunira, nous l'espérons, encore plus de participants. Nous disons pour cela : Venez avec nous au prochain Congrès à Frederihshaven.

Michel ROUX (Marseille).

# La vivo de la Grupoj

### ROUBAIX-TOURCOING

Tri ĵurnaloj publikigis la tekston de traduka konkurso. Temis pri letero de Jean Rostand, kiu aperis en F. E. La aŭtoroj de la plej bonaj esperantlingvaj tradukoj ricevos libro-premiojn.

### HAZEBROUCK (Nord)

Tridek geesperantistoj partoprenis amikan kunvenon. Sro M. Darou, senatano, gratulis la organizantojn de la kurso kaj insistis pri la neceso de komuna dua lingvo. Krome, nederlanda samideano, Sro S. Stuit, plezure babilis kun siaj nombraj amikoj kaj lernintoj. Lokaj respondeculoj : ge-sroj Lenel, 26, rue Donckèle.

### HENIN-LIETARD

Sro L. Bourgois gvidas kursojn, kun financa helpo de la laika amikaro de gelernintoj.

### LILLE

La NordFranca Federacio disdonis en Valenciennes (29-10) premiojn al la laŭreatoj de la diversaj ekzamenoj. Temis pri : R. Bocquet, B. Barbot, M. kaj A. Lelièvre, D. Caron, L. Giloteaux kaj M. Ligot.

### WATTRELOS

Post Liberaj debatoj pri esperanto ĉe la nova junulardomo, Jarfina kunveno de la klubo okazos dimanĉe la 10an de decembro, je 15 h., ĉe 7, rue Saint-Saëns. Je la tagordo : loterio, anekdotoj, sonleteroj ; ktp...

### BOULOGNE-SUR-MER

Okaze de la angla-franca kunveno, la urbestraro akceptis la partoprenintojn kaj gratulis la pionirojn kaj la prezidantinon de la restarigita klubo, S-inon Hanicot.

### PARIZA GRUPO

La vendredon 17-an de novembro, en la agrabla kadro de la fervojista kinejo, afable akceptis la Parizan Grupon kaj ĝiaj amikoj, F-ino G. Lemonnier, simpatia prezidantino de F.F.E.A.

Poste, en la ĉeesto de S-ro Inĝ J.R.G. Isbrucker, prezidanto de Akademio de Esperanto, la prelego de S-ro J. Guillaume, ĉefdeleg. U.E.A., Vic-prez. de U.E.F., celis prezenti al ni Australion ; ties filmo, plaĉeme pruntedonita de la Aŭstralia Ambasadorejo, esperante parolata de S-ro R. L. Harry, tiu filmo nin promenadis tra altaj montaroj, blankaj de neĝo, tra senmezura dezerto, foje mistera ; ni vidis arbojn, florojn, bestojn nevideblajn aliloke krom en zoologia ĝardeno. Ni admiris la fierajn sportulojn, la brilkostumojn de la preskaŭ lastaj indiĝenoj, la kuradon de la liberaj ĉevaloj... Ĝojigis nin la grimpado de la « Koala-j », kiuj sin nutras nur per speciala eŭkaliptuso kaj ankaŭ la tipa saltado de la kanguruoj kun la idoj en la poŝo... oportuna poŝo ! Ni tremis vidante la povo de la bumerango laŭ la sperto de la ĵetisto !

Post la filmo, S-ro Guillaume klarigis ĉiujn demandojn. F-ino Lemonnier bonvenigis F-inon Zofia Frodyme, pollandanino alveninte el Usono, reiros Pollandon, kiu diris al ni ĉefe pri sia miro pro la rapida vivo en la usonaj urboj, ankaŭ en Parizo !

Kia agrablaĵo estas prezenti interesaĵojn antaŭ plenplena salono, kies ĉeestantoj bone ludas sian rolon !

JULIETA.

## POPOLUNIVERSITATOJ

### GRAVA DECIDO DE LA POPOLUNIVERSITATOJ POR LA ESTONTO DE ESPERANTO

Dum la IV-a Internacia Konferenco de la Popoluniversitatoj, estis alprenita la sekvanta decido :

La IV-a Konferenco de la Popoluniversitatoj, kunveninta en Torino (Italujo) la 8, 9, 10-aj de Septembro 1961, post detala ekzameno de la raporto farita de S-ro Barbiellini Alidei pri la demando pri internacia lingvo, konstatas :

1) ke Esperanto estas la nura lingvo instruata en la Popoluniversitatoj de diversaj landoj ;

2) ke Esperanto estis praktike uzata dum la 4 Internaciaj konferencoj de la Popoluniversitatoj en Parizo (1957), Firenzo (1958), Strasburgo (1960) kaj Torino (1961), kaj ke internaciaj kongresoj kun pluraj miloj da personoj uzas Esperanton kiel komunan lingvon ;

Konsekvence, la Konference petas la Internacian Asocion de la Popoluniversitatoj :

a) Patronadi la koordinitajn kursojn de Esperanto organizitajn de la Popoluniversitato de Zurich en kunlaborado kun pluraj popoluniversitatoj de diversaj landoj ;

b) organizi kunvenon-demonstracion en Romo en Julio 1962, kies partoprenontoj, po 3 por ĉiu interesata lando, estus lernintaj Esperanton inter Oktobro 1961 kaj Junio 1962 ;

c) komisii S-ron Claude Nedjar por la organizo de tiu kunveno, kies detalojn li devos sendi al ĉiuj interesataj P.U. antaŭ Kristnasko 1961 ;

d) komisii lin fari raporton pri la rezulto de tiu kunveno-demonstracio por la 5-a Konferenco de la Popoluniversitatoj, kiu alprenos utilajn konkludojn. »

Tiuj konkludoj de la II-a Komisiono de la Konferenco estas unuanime akceptitaj de la pleno de la IV-a Konferenco.

Ni povas nun doni kelkajn informojn pri la efektivigo de la rezolucio.

La lernantoj, kiuj povos partopreni en la kunveno-demonstracio en Romo, devos esti inter 16 kaj 25-jaraĝaj. La nombro por ĉiu lando estos inter 3 kaj 10. La kunveno-demonstracio okazos dum la dua dusemajno de Julio 1962 kaj daŭros proksimume 10 tagojn. La tuta restado en Romo estos je la kosto de la Internacia Asocio de Popoluniversitatoj. La vojaĝo ĝis Romo estos je la kosto de la lernontoj, kun eventuala partopreno de la landaj asocioj de Popoluniversitatoj, de la landaj asocioj de U.E.A., kaj se eble kun speciala ŝtata subvencio de la koncernaj landoj.

Por Francujo, jam U.E.F., interkonsente kun la Franca Asocio de la Popoluniversitatoj kies prezidanto estas la iama franca ĉefministro André Marie, decidis ke la 10 francaj lernantoj estos elektitaj dum Pasko, inter la plej bonaj lernantoj de la 20 seminarioj por instruis(in)oj 2 kie Esperanto estas instruata.

La kunveno-demonstracio en Romo estos larĝe disvastigata per radio, televido, kolora filmo kaj unu el la plej gravaj ilustritaj eŭropaj gazetoj.

La sukceso de tiu kunveno-demonstracio estas nun en la manoj de la gvidantoj de la Esperanto-movado.

Bonan kuraĝon !

**P. PETIT,**
**Honorofica Prezidanto de la Internacia Asocio de Popoluniversitatoj, Komitatano de U.E.A.**

## « RECENZO »

**Marcel Pagnol : « TOPAZE » ; Charles Vildrac : « La ŜIPEGO », « TENACITY ». — El la franca esperantigitaj de Roger Bernard. — Prezento de la autoroj far Gaston Waringhien. — Kovrilo de John Hartley. — STAFETO : Bel-Literatura Eldon-Serio, 17. — J. Regulo, Eldonisto, La Laguno, Kanariaj Insuloj, 1960. — 22,5 x 15 cm. — 292 paĝoj. — Prezo : 2 usonaj dolaroj. — 10 NF.**

En la serio « Stafeto » la eldonisto J. Regulo, proponas al la legantoj novan libron, pri kiu ni rajtas ĝoji. Estas granda ŝanco por la tutmonda esperantistaro, enkalkuli en siaj vicoj eldoniston tiel sindonan al nia afero. Efektive, periode kaj laŭ kadenco sufiĉe rapida li prezentas sub formo eleganta, klare presita kaj perfekte legebla, aron da selektitaj verkoj, kies aŭtoroj kaj tradukintoj havas grandan famon.

Kutime la recenzanto skribas sian taksopinion pri la eldonisto ĉe la fino de sia recenzo. Pro la grava laboro jam de longe farita de S-ro J. Regulo, mi rigardas justa, omaĝi al li la kapan lokon de mia modesta skribaĵo. Liaj teknikaj konoj, lia amo al bone plenumita laboro, lia kuraĝa persistemo en la entreprenita tasko, kaj precipe lia neŝancelebla fido al la sukceso de Esperanto indigas lin je gratuloj kaj dankoj de la esperantistaro.

★

## TOPAZE

La verkaro de Marcel Pagnol, se ne tre abunda, estas densa je grandaj kvalitoj. *Topaze Mario, Fanny* kaj *Cezaro, la edzino de la panfaristo* estas nekontesteblaj majstroverkoj. Liaj « Infanaĝaj memoraĵoj » antaŭ nelonge verkitaj montras, ke li estas ankaŭ tiel bona rakontisto kiel teatroverkisto. En tiu lasta verko, per lingvo brilega kaj sentoplena, li atingas la kulminon de la perfekteco. La natura simpleco kaj la sincereco de lia verkmaniero, la eleganta perfekteco de la lia stilo lokas lin inter la plej bonaj verkistoj numtempaj. Marcel Pagnol elektiĝis de la Franca Akademio en 1946. Tiam li estis 51-jara.

Topaze (komedio verkita en 1927), fakte estas la nomo de honesta instruisto en pensionlernejo de granda urbo « en Francujo aŭ alia lando ». Honesta, efektive, kaj ankaŭ iom naiva, neprofitema ĝis stulteco kaj skrupulema ĝis manio.

En la klasoĉambro, fiksita sur la muroj, estas friso el papero sur kiu legiĝas en dikaj leteroj diversaj moralaj skribaĵoj kiaj : « Malbonon *suferi* prefere ol *fari*- Bona gloro pli valoras ol oro- Mallaboremo ĉiujn malvirtojn naskas... ». En ĉi tiu severa atmosfero disvolviĝas la unua akto, kaj la kvalitoj de la lernantoj estas tiaj, ke ili ne povas oferi al la instruisto ajnan kompensan ĝojon, Rutino en neboneco !... Sed pasas la tempo ! Mi lasas al la leganto la plezuron admiri la « progresojn » de la kompatinda instruisto al vivo tute diferenca. Jen la kvara akto en kiu ni retrovas alian ĉefrolulon. Tiam Topaze fariĝis malhonesta aferisto. Diversaj cirkonstancoj igis lin kompreni, ke troa skrupulo konservas la homon en mizera vivmaniero. Malbonaj ekzemploj incitis lin orienti sian agamecon al direkto pli profita, kvankam malmorala. Tamise, ekskolego de Topaze konsterniĝas pri lia evoluado : « Mi povas aserti, rebatas Topaze, ke dum dek jaroj, per ĉiuj miaj fortoj, mia tuta kuraĝo, mia tuta fido, mi plenumis mian teskon kiel eble plej skrupule kaj bone, kun la deziro esti utila... Iam

mi klarigos al vi, kiel mia destino kondukis min ĉi tien... Mi eliĝis el la rekta vojo, kaj mi estas nun riĉa kaj respektata... ». Kio do povas pravigi la draman ŝanĝiĝon en la vivo de Topaze ? Kape de la verko, Marcel Pagnol lokis, en epigrafa formo ne tra sibila la jenajn vortojn de hartondista komizo : « La Socio, jen vidu, Sinjoro, se ĝi daŭrigos, ĝi mortigos la justulojn ».

★

Perfekta estas la traduko. Roger Bernard montris en sia delikata laboro kvalitojn de komprenemo, de lerteco kaj de scienco. Mi atente legis la esperantan tekston paralele kun la franca. Mi konfesas, ke ĉi tiu esplorado donis al mi grandan ĝojon. Se estus al mi permesite, mi konsilus al la franclingvaj samideanoj fari la saman eksperimenton, el kiu ili certe akirus trafan spertaĵon en la tradukarto.

Mi notas ĉi-poste kelkajn gvidajn ideojn tuŝantajn la tradukan problemon.

1) *Transkomponado de teksto.* — Ni scias, ke traduko laŭvorta estas plejofte neebla. Ankaŭ estas kazoj, kiuj postulas ŝanĝojn de tutaj frazoj. Tiam la tradukanto devas montri apartan sagacecon, mastri sian lingvon kaj ankaŭ Esperanton. Li devas ĉiaokaze prizorgi pri la konservado de la senco originala signita de la aŭtoro. Ordona estas ĉi tiu regulo.

Ni trovas bonan ekzemplon en la unua akto de Topaze ek de la kurtenleviĝo. Temas pri ortografleciono donita al ne tre inteligenta lernanto. La teksto de Pagnol estas : « *Des moutons étaient en sûreté dans un parc.* » En ĉi tiu frazo la lernanto stumblas super la pluralo de la substantivo kaj de la verbo. Pri tiu lasta estis necese ŝanĝi la tekston, ĉar la traduko de « *étaient* » ne prezentas malfacilaĵon. Do la tradukinto transkomponis jene : « *Des moutons entraient dans le parc* ». Tiel la stumblo estas nun super la akuzativo de direkto ĉe la vorto *parkon*. La diktado iĝas : « Kelkaj... ŝafoj... kelkaj ŝafoj... eniris en la parkon, en la parkon. (Topaze kliniĝas super la ŝultro de la lernanto kaj diras al li) : Nu, knabo, provu kompreni. Mi diras ŝafoj eniris en la parkonn. Tio signifas, ke de ekstere ili venis en la parkon. »

En la kvina sceno de la sama akto prezentiĝas alia karakteriza ekzemplo. Iu lernanto, de ekstere tra la ŝlosiltruo, krias al destino de Panicault (elparolu : Paniko) maljuna kaj povra instruisto, kiu dum la paŭzo parolas al kolegoj en la klasoĉambro :

« Panicault ! Ho ! Panicault !
Tu l'as mangé l'haricot. » (elp. : l'ariko)

Jen la traduko de Bernard :

« Panikol' ho Panikol'
Por vi seka fazeol' ! »

Tiu ĉi malgrava transkompono igas pli facila la versofaradon, kaj konservas la tutan komikan efikon.

2) *Interjekcioj, sakraĵoj, malbenoj.* — Aparta rifo estas evitenda, t.e. longigi senmezure la liston de tiaj vortoj kaj esprimoj. Estas necese severe bremsi tiun tendencon, ĉar baldaŭ ni bezonus specialan vortaron, sen ia profito por nia lingvo. R. Bernard bone atentis la problemon kaj restis tre modera. Li sukcesis uzi nur la koncernajn vortojn jam kuŝantajn en la Plena Vortaro aŭ en la Granda Vortaro E-F-a de Waringhien. en ekzemploj :

« Sacré Bon Dieu ! » estas tradukita per « Fulmo kaj Tondro ! », sakrajo kiu povus ankaŭ traduki « Tonnerre de Brest ! »...

« Ben vrai ! » estas tradukita per « Ĉu juste ! ».
« Mon vieux ! » per « Oĉjo mia ! ».

El mia analizo mi notis kelkajn malgravajn diferencojn inter la traduko kaj la originala teksto. (Mi devas precizigi, ke mi laboris super la Franca eldono de la Poŝlibro 1961).

— Ernestine iĝas Marta anstataŭ Ernestino.

— paĝo 15 : « li elektitis » anstataŭ « li elektis ».

— paĝo 15 : La moralaĵo « L'argent ne fait pas le bonheur » estas bone tradukita per « Riĉo feliĉon ne donas », sed la tradukinto aldonis frazeron kiun mi taksas kontraŭsenca : kaj « Pene akirita ne estas profita. » Mi supozas, ke la subjekto estas ankaŭ Riĉo, se ne, la frazo ne havus sencon. Do anstataŭ pene mi skribus « senpene » aŭ pli ĝuste « malhoneste ». Tiel ni havus la maksimon bone konatan de la francaj lernantoj : « Bien mal acquis ne profite jamais ».

— paĝo 89 : Renato suferas pro ŝiriĝo de la olekrano kaj de malstreĉiĝo de la ligamentoj « de la face interne ». Pli bone estas traduki ĉi lastan frazeron per « de la interna faco » anstataŭ « de la interna pario ».

— paĝo 133 : prévaricateur iĝas « fiuzanto de politika influo ». Tiu ĉi longa difino pravigas la kreon de neologismo : prevarikanto. (Vortaro Léger-Albault).

— paĝo 170 : mankas du rebatoj ĉe la fino de la sesa sceno en la tria akto, antaŭ la lasta rebato de Topaze.

— Fine unu sola preserareto sur paĝo 149 : priio anstataŭ pri io.

★

II

LA SIPEGO « TENACITY »

Tiu ĉi triakta drameto okupas la kvaronon de la volumo. Ĝi elmetas atmosferon iom misteran, el kiu distingiĝas frata boneco kaj varma amikeco. Kun delikata emocio la aŭtoro Charles Vildrac prezentas tre simplajn homojn. Ili ne estas heroaj, kvankam ili estus kapablaj iĝi tiaj. Ili estas sentemaj, honestaj kaj helpemaj unuj al aliaj. El banala travivaĵo la aŭtoro sukcesis reliefigi noblajn sentojn.

Kvankam mi ne esploris la tradukon paralele kun la originalo, mi ne rimarkis erarojn nek nekompreneblaĵojn. La stilo de la verkisto estas serena ; poezio fluas abunde, kaj la intrigo disvolviĝas facile. La tradukinto faris ankaŭ bonan laboron. Roger Bernard meritas sincerajn gratulojn kaj kuraĝigojn al pliaj semkvalitaj tradukadoj.

Mi forte rekomendas la legadon de tiu bonega libro.

R. LEGER.

## EN DEUX MOTS...

LA FRANCE SINISTREE, organe de l'Association des Sinistrés, publie dans chacun de ses numéros, une très importante rubrique : « La Tribune Espérantiste ». Elle comporte de nombreuses informations sur le mouvement espérantiste en France et dans le monde, souvent illustrées de clichés. Adresse : 4, rue Stimmer, Strasbourg.

***

L'ASSOCIATION DES ANCIENS PRISONNIERS DE GUERRE (région parisienne), publie un cours d'espéranto dans son bulletin mensuel. En outre, cette Association a institué au sein de sa Commission Administrative, une « Commission de l'Espéranto ». Adresse : 14, place du Havre, Paris.

***

POLIO-REVUE, organe mensuel des victimes de la polyomiélite, publie un cours d'espéranto rédigé par Me Jean Duthilleul.

***

L'AGORA, journal de l'Association des Etudiants 'Angers, a publié dans un de ses récents numéros, un appel pour la formation d'un groupe espérantiste parmi les etudiants.

# LA JUNULOJ

**REORGANIZO DE LA FRANCA SEKCIO DE T.E.J.O.**

La 15an de aŭgusto 1961, en la kadro de la 17a junular kongreso, en Wokingham (Anglujo) okazis du kunvenojn por la reorganizo de la Franca Sekcio de TEJO.

27 junaj gefrancoj ĉeestis.

**Estraro :** Post la eksiĝo de Sinjoro Michel Turin, eksprezidanto, pro tro da laboro ekster la movado, la nova jena estraro estis elektita :

**Prezidantino :** Garrigue Christiane, 34, rue Vauvenargues, Marseille-7.

**Vicprezidantino :** Fraŭlino Roux Michèle, 6, rue Alexis Rostand, Marseille-10e.

**Sekretario :** Sinjoro Michel Jullien, la Lagramuso, avenue Henri Pontier, Aix-en-Provence (B.-du-R.)

**Kasistino :** Fraŭlino Suzanne Sage, 42, rue Louis Saulnier, Meyzieu (Isère). C.C.P. Lyon 42-49-02.

**Komitato.** Estas reorganizata novan komitaton. Ĝi konsistas el 12 membroj : 4 estraranoj, 8 regionaj komitatanoj :

Pariza regiono : Fraŭlino Claire Guillaume.
Nord-orienta regiono : Michel Turin.
Norda regiono : (vakas).
Okcdienta regiono : (vakas).
Sud-okcdienta regiono : Michel Perrin.
Apud Grésillon : Fraŭlino Marie-Thérèse Juchault.
Lyon kaj centra regiono : Fraŭlino Yvonne Givois.

Alpoj kaj sud-orienta regiona : Fraŭlino Marie-Thérèse Boiton.

**Regularo :** La jena regularo estis adoptita :

STATUTO

1. Nomo : Junulara Esperantista Franca Organizo (JEFO).
2. Lingvo : La oficiala lingvo estas la lingvo internacia Esperanto.
3. Aparteno al alia organizo : La organizo estas franca sekcio de **TEJO** kaj Junulara Sekcio de U.E.F.
4. Konsisto : **JEFO** konsistas el individuaj membroj aktivaj, aŭ el membroj grupitaj en lokaj grupoj regionaj ligoj.
   La **estraro** konsistas en **prezidanto, sekretario, kasisto** kaj **vicprezidanto (j).**
5. Celo : Unuiĝo de junaj francaj esperantistoj kaj disvastigo de la internacia lingvo Esperanto inter la junularo.
6. Neŭtraleco : organizo neŭtrala rilate al nacieco, raso, religio, politiko, sociaj problemoj.
7. Administrejo : la administrejo estas ĉe la Jefo-sekretario.
8. Lima aĝo : ĉiuj membroj devas esti malpli ol 25 jaraĝaj. JEFO akceptas ankaŭ subtenantajn membrojn sen aĝlimo.
9. Informilo : Bulteno sendata al ĉiuj membroj 5-6 fojoj po jaro pere de U.E.F., en Franca Esperantisto.
10. Financo : nur la kotizoj.
11. Akcepto de membreco : loka grupo, provinca grupo povas aliĝi al JEFO se ĝi estas organizata kaj se ĝi estas neŭtrala laŭ artikolo 6 de tiu statuto. Ĉiu membro (individua aŭ el grupo) pagas kotizon.
12. Eksiĝo : ĝi devas esti deklarita skribe.
    Membro, kiu ne pagis sian kotizon dum la jaro malgraŭ averto, estas konsiderata kiel eksiĝinta.
13. Ekzigo : membro, kiu evidente kontraŭlaboras la celojn de la organizo povas esti eksigata post decido de la komitato.
14. Voĉdono : voĉdono povas okazi dum renkontiĝo. Oni devas demandi al la prezidanto por voĉdono almenaŭ du semajnoj antaŭ la renkontiĝo.
15. Modifo de la regularo : ebla post diskuto de komitato.

**Gazeto :** Krom la paĝoj rezervitaj en F.E., la nova grupo intencas eldoni du specialajn ekzemplerojn multobligitajn, ĉiujare. La ĉeestantoj starigis programon de artikoloj por la gazeto (pri muziko, folkloro, traduko, kruĉvortoj, ludoj, eĉ originalaj verketoj).

Estus dezirinda ke ĉiu membro sendu la plej eble baldaŭ ĉiuspecajn artikolojn al la sekretario.

KOTIZOJ

**Por 1962 la kotizoj estos :**
Malpli ol 16 jaraĝaj : 5 novaj frankoj.
De 16 ĝis 21 jaraĝaj : 7 novaj frankoj.
Pli ol 21 jaraĝaj : 9 novaj frankoj.

**Pageblaj** ĉe la kasistino : Fraŭlino Suzanne Sage, 42, rue Louis-Saulnier, Meyzieu (Isère), C.C.P. Lyon 42-49-02.

Ĉiuj membroj ricevos senpage la revuon Franca Esperantisto.

Wokingham, la 16an de Aŭgusto 1961.

La prezidantino : Christiane Garrigue. — La sekretario : Michel Jullien.

★

**DEKLARO**

La subskribintaj landaj sekcioj de Tutmonda Esperantista Junulara Organizo

— akcelante pliproksimigon de siaj membroj surbaze de la lingva interkompreniĝo,
— komprenante, ke la internacia karaktero de la movado postulas unuecan kaj konkordan laboron de niaj organizoj por egala evoluo de la movado en ĉiuj landoj,
— konsciante, ke la nuna junularo post iu tempo devos preni en siajn manojn la taskon gvidi la movadon,

post detala pritrakto de la nuntempe stato de la junulara movado en niaj landoj, laŭ kio evidentiĝas, ke

— la celoj,
— organiza strukturo,
— ĝeneralaj principoj de la agado

estas similaj ankaŭ pro la fakto de la aparteno al T.E.J.O.,

DEKLARAS :

1. agnoski ĉiujn konvenajn rimedojn, kiuj helpas la ĉefan celon ;
2. agi surbaze de aktiva neŭtraleco ;
3. utiligi malnovajn rimedojn daŭre taŭgajn ;
4. kunlabori sur organiza, kultura, socia kaj turisma kampoj ; kaj tiucele subskribi kontraktojn pri kunlaboro surbaze de la supraj principoj ;
5. helpi nove fonditajn landajn sekciojn de T.E.J.O.

La landaj-Tejo-asocioj, subskribinte la deklaron — laŭ senco de la komentario — garantias plenumadon de la postuloj traktataj en la deklaro kaj komentario ;

— insiste rekomendas ĝeneralan sekvon de la supraj principoj kaj
— alvokas aliajn junularajn esperantistajn organizojn suskribi la deklaron.

(sekvas subskriboj de la prezidantoj de la Bulgara, Franca, Germana, Hispana, Jugoslavia, Pola kaj Sveda asocioj).

# BULLETIN D'ADHESION
A
# L'Union Française pour l'Esperanto
**(U. F. E.)**

34, Rue de Chabrol - PARIS (Xe)
C.C.P. Paris 855-35 — Tél. PROvence 55-03

NOM (en majuscules) : ....................

Prénom(s) usuel(s) : ....................

Profession : ....................

Age (obligatoire jusqu'à 21 ans) : ....................

Faculté (pour les étudiants) : ....................

Adresse complète : ....................

.................... N° ..........

| | | |
|---|---|---|
| Cotisation de Membre Actif .......... | NF | 10 |
| de Membre Bienfaiteur .............. | NF | 20 |
| ou de Membre à Vie ................ | NF | 300 |

Ces cotisations donnent droit à la « *REVUE FRANÇAISE D'ESPERANTO* », à la carte et aux coupons de l'U.E.A..

VOUS POUVEZ — et nous vous le recommandons vivement — y ajouter une des cotisations suivantes pour l'UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO (U.E.A.) :

| | | |
|---|---|---|
| Cotisation de Membro-Jarlibro ........ *donnant droit à l'annuaire de l'U.E.A.* | NF | 10 |
| de Membro-Abonato ................ *donnant droit à l'Annuaire et à la revue* « Esperanto » *de l'U.E.A.* | NF | 20 |
| ou de Membro-Subtenanto ............ | NF | 30 |

TOTAL : ....................

Date et signature : ....................

A détacher suivant le pointillé

# L'Union Française pour l'Esperanto
**(U. F. E.)**

34, Rue de Chabrol - PARIS (Xe)
Tél. PROvence 55-03 - C.C.P. 855-35 Paris

# COURS D'ESPÉRANTO
## PAR CORRESPONDANCE

Le Cours par Correspondance de l'U.F.E. se compose de 15 leçons comprenant chacune une partie grammaticale, du vocabulaire et des exercices à envoyer à la correction.

Un règlement échelonné des frais a été prévu, afin de permettre une large diffusion de ce cours. C'est ainsi que pour la modeste somme de 10 NF. par mois, pendant 5 mois, l'élève pourra acquérir de solides connaissances de la langue internationale.

Un abonnement gratuit à la « Revue Française d'Espéranto » offert aux élèves qui suivront ce cours avec régularité.

Pour se faire inscrire, il suffit de renvoyer dans le plus bref délai le bon ci-dessous à l'UNION FRANÇAISE POUR L'ESPERANTO (U.F.E.) :

Nom et prénom(s) usuel(s) : ....................

Date et lieu de naissance : ....................

Adresse exacte : ....................

Je souscris au cours par correspondance organisé par l'UNION FRANÇAISE POUR L'ESPERANTO et verse à son compte-courant postal Paris 855-35, la somme de 20 NF. à titre de premier accompte. Je m'engage à verser le solde, à raison de 10 NF par mois. Sauf avis contraire de ma part, un mandat-carte-remboursement me sera présenté du 1er au 10 de chaque mois pendant les 5 mois à venir.

SIGNATURE :

*Nota.* — Les élèves désireux de régler au comptant la totalité du cours bénéficieront d'une remise de 10 NF. Ils n'auront donc qu'à adresser la somme de 60 NF par versement au compte Paris 855.35 Union Espérantiste Française, en mentionnant sur le talon du chèque : *Cours par correspondance* et leur état-civil.

# SERVICE DE LIBRAIRIE (Extraits)

## ETUDE ET ENSEIGNEMENT

| | |
|---|---|
| L'Espéranto, cet inconnu (Ribot) | 1,25 |
| Valeur pédagogique de l'Espéranto | 0,60 |
| Programme des examens | 0,45 |
| ABC à l'usage de ceux qui aiment les lettres (Waringhien) | 1,50 |
| Espéranto-Manuel (Chavet-Warnier) avec corrigés | 5,00 |
| Manuel d'Etude (Couteaux) avec corrigés | 4,50 |
| Manuel d'Initiation (Thaillet) | 1,50 |
| Ni parolu en Esperanto (Ribot) avec corrigés | 4,70 |
| L'Espéranto en douze leçons (Pierre Delaire) | 13,00 |
| Ludoviko en Nederlando (P. Delaire) | 11,00 |
| Espéranto fil d'Ariane (P. Delaire) | 12,50 |
| Plena Gramatiko (vol. I) | 12,00 |
| Privilegia Vojo al Lingvoscio (Setälä) | 6,00 |
| Unua Legolibro (Kabe) | 2,00 |
| Universala Legolibro (Fricke) | 2,00 |
| Dialekto, dialektiko (Dalmaù) | 3,50 |
| Lingvo kaj Vivo (Waringhien), bindita | 20,00 |

## DICTIONNAIRES, LEXIQUES ET VOCABULAIRES

| | |
|---|---|
| Dictionnaire Français-Espéranto (Léger & Albault) | 20,50 |
| Grand Dictionnaire Espéranto-Français (Waringhien). | 30,00 |
| Lexique Espéranto-Français (Léger) | 5,40 |
| Naùlingva Etimologia Leksikono (Bastien) | 10,00 |
| Plena Vortaro de Esperanto | 15,00 |
| Scienca kaj teknika terminaro | 20,00 |
| Vocabulaire de poche (Bastien) | 2,40 |

## HISTOIRE DU MOUVEMENT

| | |
|---|---|
| Le Docteur Espéranto (M. Ziolkowska) broché | 6,50 |
| relié | 13,50 |
| La Esperanto-Movado (Stöp-Bowitz & Isbrucker) | 3,00 |
| La Internacia Lingvo (Lapenna), bindita | 8,50 |
| Leteroj de L.L. Zamenhof (Waringhien) I & II binditaj, kune | 20,00 |
| Originala Verkaro de Zamenhof, bindita | 18,00 |
| Vivo de Zamenhof (Privat) | 4,50 |
| Historio de la Lingvo Esperanto (Privat) | 8,50 |

## LITERATURO

| | |
|---|---|
| Les Héros Existentialistes dans l'œuvre de J.-P. Sartre (Colette Llech-Walter) texte bilingue | 2,00 |
| Angla Antologio (Auld & Rossetti) | 14,00 |
| La Aventuroj de Marteno Drake (G. Norway), bindita | 4,50 |
| La Aventuroj de S-ro Longkrurulo (Uitterdijk) | 2,00 |
| Barbro kaj Eriko (Schneider & Carlsson) | 1,00 |
| Brulanta Sekreto (Stefan Zweig) | 3,30 |
| Colomba (Mérimée) | 1,70 |
| Topaze (M. Pagnol) | 10,00 |
| Reĝo Edipo. Antigona (Sofoklo) | 10,00 |
| Fabiola (Kardinalo Wiseman) 7,50 ; bindita | 12,00 |
| La Forto de l'Vero (Adi) | 3,50 |
| La Ĝoja Podio (K. Schwartz) | 4,50 |
| La Hundo Kruso (Ballantyne) | 2,50 |
| Infanoj en Torento (St. Engholm) I & II kune | 5,60 |
| Invito al Ĉielo (J.D. Sayers) broŝurita | 4,50 |
| Karlo (Privat) | 1,20 |
| La Karnavalo kaj la Somnambulino (Immermann) | 3,30 |
| Malsata ŝtono (R. Tagore), bindita | 15,00 |
| Akbar (Brouwer) | 5,50 |
| Kiso de la Reĝino (Naĵivin) | 3,30 |
| Kredu min Sinjorino ! (Rossetti), bindita | 8,50 |
| Miru, Pensu, Ridu (Bennemann), bindita | 9,00 |
| La Normandaj Rakontoj (Maupassant), bindita | 17,00 |
| Novaj Esperanto-Historietoj (div. aùtoroj) | 3,50 |
| Princino de Marso (Burroughs) | 1,70 |
| Sep Vangofrapoj (Aszlanyi) | 3,30 |
| Taglibro de Anne Franck, bindita | 11,50 |
| La Tempo-Maŝino (H.G. Wells) | 1,70 |
| La Virineto en Bluo (Mason Stuttard) | 3,30 |
| Eroj (M. Boulton) | 12,50 |
| Esperanta Antologio. Poemoj, bindita 21,50, broŝ. | 18,50 |
| Fabloj de La Fontaine | 2,00 |
| La Floroj de l'Malbono (Beaudelaire) | 13,50 |
| Georgo Dandin (Molière) | 3,00 |
| Jozefo (Applebaum) | 5,60 |
| Kontralte (M. Boulton) | 10,00 |
| La Mokindaj Preciozulinoj (Molière) | 1,20 |
| Peer Gynt (Ibsen), bindita | 11,20 |
| La Revizoro (Gogol) | 4,50 |
| Sonĝe sub Pomarbo (Baghy) | 10,00 |
| La Stranga Butiko (Schwartz) | 3,00 |
| Dana Antologio, bindita | 16,50 |

## FILOZOFIO & RELIGIO

| | |
|---|---|
| Maksimoj de La Rochefoucauld, franca kaj Esperanto kune (Waringhien) | 2,00 |
| La Nova Testamento, bindita | 3,00 |
| Sankta Biblio, bindita | 10,00 |
| La Vivo de Nia Sinjoro Jesuo (Dickens), bindita | 5,00 |

## GEOGRAFIO — VOJAĜADO

| | |
|---|---|
| Nepalo malfermas la pordon (T. Sekelj) | 15,00 |
| Aùstralio — Lando kaj Popolo | 3,50 |
| Ekspedicio Kon-Tiki (Heyerdahl), bindita | 18,50 |
| Kanako el Kananam (K.-G. Linton) | 11,00 |
| Tempesto super Akonkagvo (T. Sekelj) | 11,00 |
| Pariza Gvidlibro Ilustrita | 2,50 |
| De Parizo al Lazura Marbordo (Rétot) | 1,80 |

## ARTO, SCIENCO & TEKNIKO

| | |
|---|---|
| Retoriko (Lapenna), bindita | 16,50 |
| Atakoj kontraù Gardenplantoj (Neergaard) | 15,50 |
| La Vivo de la Plantoj (Neegaard) | 11,50 |
| Sekretoj de la Marestaĵoj | 7,50 |

## GRAMOFONDISKOJ

| | |
|---|---|
| Disque de prononciation | 4,00 |
| Parolado de Lapenna | 8,50 |
| Melodioj (La Espero, Ĉeriz'Tempo, Fontano klara) | 12,00 |
| Diversaj Melodioj (kvarvoĉe) I, II, III, ĉiu | 10,00 |
| **Livres illustrés pour les jeunes (Série)** | **10,00** |

**Frais d'expédition et de poste :**

20 % jusqu'à 10 NF ; 15 % jusqu'à 20 NF ; et 10 % au-dessus.

Toutes les commandes sont à adresser, avec les fonds, à : Union Espérantiste Française, 34, rue de Chabrol, Paris X[e]. C.C.P. 855-35 Paris.

Sablé-sur-Sarthe. — Imprimerie Coconnier

Le Gérant : J. Guillaume.